# REGo

☆ RUSIA ESPERANTO-GAZETO ☆

*movada revuo* **№ 5 (90) oktobro 2015**




**en la numero**

*forpasis Elena Ŝevĉenko*

*frua historio de SEJM*

*RA-10 okazis sukcese*

*BET-52 invitas*

*poeziaj tradukoj de Ludmila Novikova*

**Moskvo, 2015**

# enhavo





Elena Ŝevĉenko
(1962-2015)


**REGo**

**(Rusia Esperanto-Gazeto)**

№ 5 (90) oktobro 2015

aperadas ekde 2000

*redaktas* **Georgij Kokolija**
*kunredaktas* **Viktor Aroloviĉ**
*kunlaboras* **Maksim Griŝin**

*poŝta adreso:* Pjatnickoje ŝosse 45 – 105
125310 Moskvo, Rusio

*retadreso:* gazeto@mail.ru

**abontarifoj por 2016:**

*por loĝantoj de Rusio kaj aliaj landoj de KSŜ – 700 rubloj, sendendaj al:*
Коколия Георгий Владимирович
Пятницкое шоссе 45 – 105
125310 Москва

*aŭ pagendaj al:* 410011382499386
en la pagsistemo "Яндекс.Деньги"

*por loĝantoj de aliaj landoj – 25 eŭroj pagendaj al la konto* **kklg-r** *ĉe UEA*

**elektronika abono** – 350 rub. (10 eŭr.)

# PARDONU MIN, HELA!

La 5-an de septembro mortis Elena Ŝevĉenko, fama rusia esperantistino, la vidvino de same fama Aleksandro Ŝevĉenko, kiu forlasis nin antaŭ 3 jaroj. Ili ambaŭ ne atingis la 60-jaran mejloŝtonon de sia vivo...

Mi konis Lenjon ekde nia samtempa moskvaniĝo. Mi ekloĝis en Moskvo en 1979, veninte el malgranda urala urbo Miass, kaj post kelkaj monatoj, komence de 1980 el same malgranda siberia urbo Divnogorsk venis la ĉefurbon Lena (tiama Gorbatenko) por studi ĵurnalismon. Ŝi ekloĝis en mia ĉambro de komunloĝejo, kaj ekde tiam ni iĝis dumvivaj samideaninoj-amikinoj. Jen kia ŝi estis tiam (rigardu la foton): 17-jaraĝe juna, bela, fidinta je sia prospera kaj feliĉa sorto.

Ĉu realiĝis ŝiaj revoj? Ŝajne jes. Sed kial estas tiom malgaja rigardo de Lena sur la alia foto, farita de mi en 1983 dum la Budapeŝta UK? Eble ŝi jam antaŭsentis sian malfeliĉan vivfinalon, kiu okazos post pli ol tridek jaroj? Sed la komenco de ŝia moskva vivo estis brila. Ŝi finis la plej prestiĝan en Rusio Moskvan ŝtatan universitaton, edziniĝis al moskva esperantisto Saŝa Ŝevĉenko, kun kiu ŝi trapasis tro mallongan vivovojon man-en-mane. Saŝa ĉiam ame rilatis al Lena, tenere nomis ŝin Hela. Ilia filo Dima estis edukita kiel denaska esperantisto, kaj nun li transprenas la aferon de la gepatroj. Lena kaj Saŝa estis vervaj esperantistoj, fordonintaj sin plene al la plej ŝatata afero, ne nur amatore, sed ankaŭ profesie, kio en Rusio estas aparta heroago.



Lena aktive partoprenis en moskva kaj tutlanda Esperanto-agado: ŝi gvidis ekde 1989 ĝis mezo de la 1990-aj jaroj Moskvan Centran E-klubon (MCEK), samtempe eldonadis «Moskvan gazeton». Ŝi ankaŭ aktivis en la tutrusia agado: en la 1997-2000 ŝi estis estrarano de REU, zorgis pri eldonaj aferoj. En tiuj jaroj ŝi kune kun Aleksandro zorgis pri eldonado de la unuaj esperantaĵoj en la ŝtata eldonejo «Progress»: almanako «Impeto» (realiĝis nur du numeroj en 1989 kaj 1991), verko de Ulrich Lins «La danĝera lingvo», kelkaj politikaj libroj kun bildrakontoj (komiksoj). Tio estis unuaj paŝoj, faritaj de Saŝa kaj Lena al fondo en 1992 de la famiĝinta poste «Impeto», speciala Esperanto-eldonejo, kiu sukcese funkciis dum pli ol dudek

jaroj. Laŭ kalkulo de Mikaelo Bronŝtejn estis eldonitaj entute 257 libroj, inter ili 136 – en aŭ pri Esperanto. Dum la unuaj jaroj de la eldon-agado de ge-Ŝevĉenkoj ili aktive invitadis min por partopreno en la afero. Laŭ ilia komisio mi tradukis la novelon «La fatalaj ovoj» de M.Bulgakov, kiu estis publikigita en la almanako «Impeto-89» kaj poste reeldonita libroforme; mi ankaŭ estis unu el la tradukintoj de la ruslingva versio de la libro de Ulrich Lins, eldonita en 1999. Poste pro diversaj vivobstakloj mi por pluraj jaroj malaktiviĝis en E-agado, kvankam mi neniam forlasadis mian tradukan praktikadon, precipe poezian, kio rezultiĝis en 2011 per eldono en «Impeto» de la kantaro «Okcitanaj kantoj en Esperanto».

Sed jaron poste, dum la funebra ceremonio okaze de la morto de Akeksandro Lena malĝoje riproĉis min: «Mi dum la tuta vivo revis eldoni la «Ĉevaleton-Ĝibuleton» en via traduko, mi pripensis eĉ belajn ilustraĵojn por ĝi. Sed mi ĝis nun ne ricevis ĝin de vi. Jam mortis nia pentristo, mortis Saŝa, sed vi prokrastas kaj prokrastas...». Jes, antaŭ multaj jaroj mi tradukis la fabelan poemon «Ĉevaleto-Ĝibuleto» de rusa verkisto Petro Jerŝov. Traleginte la tradukon, Lena petis mian permeson por ĝia eldono, sed mi ĉiam prokrastis la respondon, ĉar mi estis malkontenta pro la kvalito de la traduko. Nun, ekhontinte, mi trovis hejme la manuskripton, lastfoje kontrolis kaj korektis ĝin kaj alportis al Lena. Sed – ve! – tro malfrue. Lena ankaŭ mortis. Kaj mi restis sola kun ŝia lasta riproĉo. Pardonu min, Hela!

***Ludmila Novikova (Moskvo)***

## KRIMEAJ E-TAGOJ

Krimea Esperanto-Centro planas organizi en 2016 E-tendaron KET (Krimeaj E-tagoj). La aranĝo okazos en komunloĝejo de Komerc-Ekonomia Kolegio, kie dum lastaj jaroj jam okazis SAT-Kongreso, “Velura Sezono” kaj IJK-postkongreso. Gvidantoj de la Kolegio jam esprimis konsenton disponigi por la aranĝo sufiĉe da lokoj en komunloĝejo kaj halon kun projekciilo.

Tempo: la 12-an – 20-an de julio 2016 (inter BET en Litovio kaj UK en Slovakio).

Loĝado: en blokoj kun necesejoj kaj duŝejoj. En ĉiu bloko estas 2 ĉambroj 2-lokaj kaj 2 ĉambroj 3 aŭ 4-lokaj. Kosto de loĝado por unu persono estos ĉ. 300 rubloj tage.

Manĝado: en nemultekosta studenta manĝejo.

Dezirantoj ripozi en Jalto pli longe povos elekti en la komunloĝejo pli frue kaj resti post la tendaro.

Por ekscii detalojn turnu vin al Jefim Zajdman <jefim_z@mail.ru>.

***<reu-agado>***

# FRUA HISTORIO DE SEJM

*Dediĉita al la 50-jariĝo de SEJM*

Mi eklernis Esperanton en 1958, duakursa studento, en la urbo Odessa. La kurson finis ĉirkaŭ dudek sufiĉe E-entuziasmaj gejunuloj. Paralele en Odeso post la persekutoj loĝis tiam ĉirkaŭ deko da antaŭmilitaj jam maljunaj esperantistoj. Tiuj du grupoj, la junula kaj la maljunula, formis la Odesan Esperanto-klubon. La jaro de la pereo por la sovetia Esperanto-movado estis 1937. La jaro de la unuaj Esperanto-kursoj postmilite estis 1956-57. Do, diferenco de aĝoj inter malnovaj esperantistoj kaj la novaj estis minimume 20 jaroj kaj maksimume ĝis 40 aŭ pli. La klubo ne estis vivkapabla. En ĉiuj kunvenoj la malnovaj samideanoj entuziasme kaj flue interparolis Esperanton, sed la junaj, ankoraŭ nepovantaj flu-paroli, nur aŭskultis, jen komprenante, jen ne tre. Post kelkaj monatoj el la novicoj restis nur tri junuloj: Vladimir Samodaj, Boris Judickij kaj Anatolo Gonĉarov. Ni restis eble pro tio, ĉar postklube ni preferis promeni kune provante praktiki la lingvon inter si.

Estis evidente, ke la junaj esperantistoj bezonas apartan formon de la ekzistado. En 1960-61 mi organizis Esperanto-kurson por gestudentoj. El tio rezultiĝis ĉirkaŭ dekmembra junulara klubo «Blanka Akacio», kiu ne havis la premon de la maljunula E-generacio kaj libere popaŝe evoluis pri la posedo de Esperanto. Ni eĉ partoprenis en du BET-oj (Baltaj Esperanto-Tendaroj), kie ni koncertis, amikiĝis kun aliurbaj junaj esperantistoj, aŭskultis prelegojn de la antaŭmilitaj samideanoj kaj revenis hejmen tute entuziasmaj. Mi komprenis, ke la junulara E-movado devas evolui aparte kaj paralele al maljunulaj E-kluboj, kiuj plejmultis en la ĉebaltaj respublikoj. Tie la ekstermado de esperantistoj, flanke de la stalinismo, komenciĝis je tri jaroj pli poste ol en Rusio kaj rapide estis ĉesigita pro la dua mondmilito, sekve en Ĉebaltio restis vivantaj pli da tiamaj esperantistoj.

En 1962 post fini la studojn mi translokiĝis al Barnaul, jam pensante pri tio, kiel organizi la sovetian junularan Esperanto-movadon. Mi jam sciis, ke la deziro de junaj moskvaj esperantistoj organizi apartan junularan E-klubon komence sukcesis, poste spertis la fiaskon. La landa sekureca servo, uzante la okazon ke pluraj junaj esperantistoj laboris pri sekretaj militaj temoj, aludis en aparte organizitaj renkontiĝoj (aŭ en la kabineto de la direktoro, aŭ en la oficejo okupiĝanta pri la dosieroj kaj dungiĝo-maldungiĝo), ke oni ne rekomendas okupiĝi pri Esperanto. Do la aparta junulara E-movado en Moskvo ne estis ebla. Ĉiuj junaj esperantistoj vizitadis la E-klubajn kunvenojn de la maljunuloj, kie okazis nur sidado kaj aŭskultado de iuj prelegoj. Sed en apudmoskva urbo Kolomna jam ekzistis junulara

Esperanto-klubo, organizita de Jefim Zajdman, kun vigla junuleca etoso. Mi sciis pri la ekzisto de ankoraŭ kelkaj aliurbaj junularaj E-kluboj...

Fine de 1964 – komence de 1965 mi dissendis al 12 junaj esperantistoj, ĉu klubgvidantaj ĉu apartaj, leteron kun la propono iamaniere organiziĝi. Nome, kiamaniere organiziĝi, mi ankoraŭ ne pripensis. El 12 adresatoj venis respondoj de 9 E-aktivuloj, el kiuj 2 rifuzis la ideon. Kaj Jefim Zajdman respondis, ke tutegale la sekureca servo ne permesos la organiziĝon. Laŭ mia memoro la konsentintoj estis: Volodja Bespalov (Soĉi), Ivan Lisiĉnij (Ustj-Kamenogorsk), Marija Vasĉiŝina (Strij, Okcidenta Ukrainio), Volodja Samodaj (Moskvo), Leo Kazancev (Ivanovo) kaj Boris Kolker (Baŝkirio). Mi neniel nomis la organizon. Mi petis ĉiujn reeĥintojn sendi al mi la adresojn de konataj al ili aliurbaj junaj esperantistoj ĉu klubhavaj ĉu ne. Rezultiĝis listo de 17 homoj al kiuj mi dissendis la unuan ĉu-dokumenton: Adresaron de junaj sovetiaj esperantistoj (pli poste mallongige AJSE). Do tio ne aspektis organizaĵo, sed tio havis la gvidanton kaj la anojn. Baldaŭ mi komencis dissendi la cirkuleran leteron pri la novaj aliĝintoj kaj informojn pri E-aktivado de la anoj. Post kelkaj monatoj mi transdonis la multobligon kaj dissendadon de la informilo al Aleksandro Jauŝkin (Kazanj) kaj komisiis al Leo Kazancev serĉi kontaktojn al TEJO. Tiuj du aktivuloj estis komence plej bonaj helpantoj al mi. Volodja Samodaj sinproponis serĉi en la komsomolaj kaj aliaj oficialaj instancoj anojn kiuj favore rilatus al Esperanto. Li sukcesis kaj ekamikis kun grava funkciulo de Komitato de Junularaj Organizaĵoj kaj ekhavis ligon kun SSOD (Unio de Sovetiaj Societoj de Amikeco kaj kulturaj ligoj kun eksteraj landoj). En tiu momento en SSOD jam estis iom difuza instanco sub la nomo Komisiono pri la Internacia Ligoj de Sovetaj Esperantistoj. En 1966 estis okazonta TEJO-kongreso en Hungario. Al tiu momento Leo Kazancev pro la granda profesia okupiĝo forlasis la aktivecon, kaj Boris Kolker, jama TEJO-ano, transprenis la kontaktojn kun TEJO. La sovetiaj ŝtatuloj vidis, ke ekzistas disproporcio: en preskaŭ ĉiuj socialismaj landoj estis oficialaj Esperanto-asocioj, sed en Sovetio – nur unu homo en SSOD, komisiita okupiĝi (fakte kontroli) pri la internacia ligoj de sovetiaj esperantistoj. Por korekti tiun disproporcion estis prenita la decido sendi oficialan sovetian delegacion al TEJO-kongreso en Hungario (Peĉ). Kompili la delegacion devis Esperanto-koncerna SSOD-ulo, sed li ne konis Esperantajn aktivulojn kaj petis helpon de la kunlaboranto Volodja Samodaj. Volodja skribis al mi, kaj ni pere de la cirkulero rapide kompilis la liston de taŭgaj por niaj celoj delegitoj. En la grupon estis inkludita tute ne konata por ni grupeto de leningradanoj nur iom posedantaj Esperanton. El tiu grupeto estis nomita delegaciestro. Sufiĉe rapide, dum la vojo kaj la unuaj kongresotagoj, ni

konkludis, ke temas pri la sekurecanoj. Estis amuze vidi la mienon de tiu delegaciestro, kiam TEJO-Komitato invitis por siaj kunsidoj ne lin, sed min, B.Kolker kaj V.Samodaj. AJSE uzis la okazon, ke pluraj ĉefaj E-aktivuloj iros al Hungario, kaj organizis antaŭ la elveturo Esperanto-konferenceton inter Moskvo kaj Kolomna. La teknikan parton sekrete organizis kolomna teamo[1] (per tio aliĝinte al AJSE), gvidata de Jefim Zajdman. Ili prizorgis lokon en arbaro, tendojn, manĝadon k.a.; la programan parton gvidis mi. Dum la konferenceto Samodaj kaj Kolker proponis alinomi AJSE per SEJM (Sovetia Esperanto-Junulara Movado). Mi ektimis, ĉar per tiu nomo ni anoncus la nenion-diran adresaron kiel veran organizaĵon (fakte sen ricevi oficialan permeson). Mi provis argumenti, ne uzante la vortojn «sekureca servo», ke tio ne decas, ke tio fruas k.t.p. Sed la entuziasmaj aktivuloj aprobis la alian nomon kaj dum la voĉdonado mi estis en minoritato. Por eviti mian fakte solan respondecon pri la organizo, mi proponis, ke ĝin gvidu tri kunprezidantoj: A.Gonĉarov, B.Kolker, V.Samodaj. Oni voĉdonis pore kaj mi pensis malparole, ke se oni enprizonigos min, estos almenaŭ iu, kiun mi povos alparoli en la lingvo. Mi rememoris la enprizonigitan en 1937 gvidanton de la sovetia Esperanto-movado diri al siaj kunsamideanoj: «Parolis, parolis, kaj напоролись[2]». Sed la sekva jaro montris, ke tiu triopa prezidanteco estis tro peza instrumento por gvidi. Se ĉe mi, aŭ iu el aliaj du, aperis ideo, ni devis komence skribi tion en aliajn urbojn al du aliaj kunprezidantoj, poste ricevi respondojn kaj nur tiam disskribi al la tuta organizo. Sekve estis perdita preskaŭ monato por unu decido. (Do en la sekva konferenceto, dum SEJT (Sovetia Esperanto-Junulara Tendaro), mi proponis, ke estu nur unu prezidanto kaj tiam oni reelektis min.) Tiu unua konferenceto kaj la komuna delegacia veturo al Hungario donis eblecon al ni pridiskuti (sen korespondado) plurajn organizajn momentojn de nia movada evoluo.

Venis tempo ke ni havu ankaŭ apartan de la maljuna E-generacio tendaron. Se mi bone memoras, en la korespondado kun Vitas Ŝilas, la gvidanto de junulara E-klubo en Vilno, ni tuj komprenis, ke oportuna loko por la okazaĵo estas Ĉebaltio, kie la lokaj partiaj instancoj pli favore rilatis al Esperanto ol tutsovetie, des pli ke en tiu jaro Vitas jam intencis organizi

---

[1] *Ekzemple, por atingi la lokon de la konferenceto, oni devis iri per riverŝipeto al iu certa ripozloka haltejo, de tie iri rekten laŭ pado en la arbaron, fojfoje halti kaj krii ion en Esperanto ĝis eliros el la arbardenso kolomna Esperanto-klubano kaj kondukos al la loko.*

[2] *«Напоролись» [naporolisj] – traduke de la rusa al Esperanto signifas «surpintiĝis» aŭ «estis mortigitaj per unu pikilo».*

Ĉebaltan apartan junularan E-tendaron. Je tiu momento jam estis organizitaj ok BET-oj, kie ĉe ĉiuj organizaj momentoj ĉefrolis maljuna generacio.

Tiam la ideo de la aparta junulara tendaro estis absolute ne akceptita de la E-veteranoj. Oni nin kritikis, eĉ foje insultis, enletere aŭ enrenkontiĝe. Dum SEJT estis komisiite al B.Kolker kaj V.Samodaj viziti la enurban BET-9 kaj provi konvinki pri nia vero, ke la junularo bezonas absolute alian, pli viglan kaj pli amuzan programon, ol la «onkloj» (vorto de Vitas Ŝilas). Dum la komuna kunsido de BET-9-anoj niaj delegitoj ambaŭ elpaŝis, sed ne ricevis la komprenon, estis de multaj kritikitaj, iom insultitaj k.t.p. kaj revenis sensukcese. La maljuna generacio timis la dissplitiĝon de la komuna E-movado. Nur la postaj jaroj rekonvinkis niajn «onklojn» aŭ «patrojn», ke ni estis pravaj.

Post la tre sukcesa SEJT (kiu rezulte estis junulara parto de BET-9) mi riskis organizi la sekvan SEJT-on jam ekster Ĉebaltio. SEJM estis neoficiala organizo, la sekureca servo, ekkonsciinte pri ĝi, jam ne povis ĝin likvidi, ĉar ni estis jam plururbaj kaj multopaj. Restis al ili nur havi en ĉiu klubo «sian homon», kiu rakontus al ili pri ĉio okazanta kaj priparolata tie.

En iu «bela» tago mi estis vokita al la direktoro de mia entrepreno; apud li jam sidis iu nekonato. Mia ĉefo diris: «Tiu homo volas vin alparoli» – kaj eliris. La Homo elpoŝigis la identigilon kaj montris al mi, dirante: «Mi estas kolonelo de la ŝtata sekureca». Mi bonege memoras, ke la tutan mian dorson trakuris tiel nomata formikado. Sed lia plua alparolo rapide montris al mi, ke ne temas pri ajna persekuto, sed li proponas al mi tiel-nome helpi al ili ĉe eventualaj kontraŭsovetiaj aferoj. Temis pri kunlaboro kun la sekureca servo. Mi havis nemultan tempon por konsenti aŭ ne, sed mi rapide komprenis, ke se ne mi, ili varbos iun alian homon, kaj mi ne scios kion li denuncos. Mi preferis surpreni la respondecon antaŭ la Esperanto-movado sur min. Poste nia kelkjara «kunlaboro» montris, ke mia elekto estis la ĝusta: mi neniam diris al la kolonelo, ke jen tiu aŭ alia (ĉefe la ĉebaltianoj) diris tion aŭ alion kontraŭ la komunisma reĝimo. Mi konfesis la kunlaboron al miaj plej bonaj amikaj samideanoj kaj je mia miro ankaŭ ili (entute tri) diris al mi la absolutan samon: ke ili kunlaboras kun t.n. «koloneloj» pli favore por Esperanto ol por la komunisma reĝimo.

Do, ni ĉiuj ŝirmis niajn agojn per porsovetiaj sloganoj: la konkuradon inter la kluboj ni nomis «socialisma», en la planoj de la kluba agado ni nepre menciis propagandon de la socialismaj valoroj en niaj privataj leteroj al eksterlando, ankaŭ dum SEJT-oj ni organizis senpagajn tiel nomatajn «sovetiajn» sabatlaborojn en lokaj entreprenoj k.t.p. Tamen la ĉebaltiajn samideanojn mi ofte petis ke en niaj amasaj tendaroj kaj renkontiĝoj ili ne tuŝu la internan politikon de la ŝtato. La samideanoj, certe, rilatis al mia

peto komprene. Antaŭ jaroj mi aŭdis pri ia kritiko kontraŭ la polaj kunlaborantoj de la sekureca servo, kaj mi estas tute certa, ke ankaŭ ili ne tiom denuncis, kiom defendis la esperantistojn kontraŭ la politika premo. Mi ankaŭ nun sentas min pli fidela al la idealoj de Esperanto ol al tiuj de ajna aparta lando, ĉu Rusio, ĉu Ukrainio k.t.p.

Mi sentis mian devon rakonti pri la plej frua periodo de SEJM (ni nomu ĝin antaŭ-SEJM), ĉar en Esperanto-gazetaro aperadis misinformoj pri tiu temo (ekzemple legu en la E-Vikipedio la temon «SEJM»). Ne ŝatante min laŭdi, mi eksentis la bezonon malkovri la «kuirejon» de SEJM.

En 1980 mi translokiĝis de Siberio (Barnaul) al Moskvo kaj lasis mian plurkilograman SEJM-korespondadon al Altaj-regiona Ŝtata Arkivejo. Nur en 1964 kaj 1965, se mi bone memoras, mi ne havis tajpilon por lasi al mi kopiojn de miaj leteroj, havante nur respondajn. Sed la tuta cetera periodo, ĝis 1980, estas fidele respegulita en miaj leteroj kaj respondoj, ja mi korespondis kun ĉiuj klubestroj kaj aliurbaj klubaj aktivuloj. Se iu kuraĝus daŭrigi mian sinceradon pri la SEJM-historio, tiu veturu al Barnaul, sidadu en la Ŝtata Arkivejo kun miaj arkiveroj kaj verku.

Entute, persone mi opinias, ke la sovetia Esperanto-junulara movado, kvankam izolita de la internacia E-movado per t.n. «fera kurteno», sukcesis fari fortan kelkcentopan kolektivon kun tre interesa interna Esperanto-vivo, Esperanto-kulturo kaj fortaj amikaj rilatoj, kiuj rezultigis multajn Esperantajn familiojn kaj E-denaskulojn. Dum iu SSOD-organizita konferenco de socialismlandaj Esperanto-asocioj mi por unu nokto donis al Detlev Blanke kolekton de ĉiuj niaj informiloj. Matene, redonante la kolekton, li diris: «Anatolo, via Esperanto-organizaĵo evoluis kaj laboris pli dinamike kaj sukcese ol ajna oficiala eŭropa E-asocio».

***Anatolo Gonĉarov***
***2015, Brjansk***

P.S. Jam tri jarojn mi estas preskaŭ blinda, izolita de la Esperanto-movado, nun en Brjansk, mi ne povis verki ion ajn. Nur nun, dank al la vizito de mia filino Sveta (denaska esperantistino) mi povis vortumi-komputilumi la artikolon. Krome, mi ne havis sperton redakti la artikolon sen vidi ĝin, do Sveta plurloke redaktis kun mia tuja aprobo. Mi esprimas al ŝi grandan dankon.

P.P.S. Per tiu artikoleto mi petas la ankoraŭ vivantajn plej fruajn SEJM-anojn, kiuj estas: V.Bespalov, V.Samodaj, B.Kolker, L.Kazancev kaj iom pli postaj: J.Zajdman, V.Ŝilas, S.Kotljarov, T.Loskutova kaj eventuale aliajn sendi al REGo siajn rememorojn pri la unua etapo de SEJM kaj eble ankaŭ pri la tuta SEJM-historio.

# Eksciu, ke...

## BET-52 INVITAS




Litova Esperanto-Asocio afable invitas vin partopreni la tradiciajn 52-ajn Baltiajn Esperanto-Tagojn (BET-52). La aranĝo okazas sub aŭspicio de Universala Esperanto-Asocio (UEA).

**DATO**: La 2-an – 10-an de julio, 2016. BET okazas ekde 1959 ĉiujare laŭvice en Latvio, Estonio, Litovio.

**LOKO**: BET-52 okazos en la urbo Birštonas, kiu situas 40 kilometrojn for de Kaunas kaj 90 kilometrojn for de la ĉefurbo de Litovio Vilnius, apud la ĉefa rivero de Litovio Nemunas. Ĝi situas en la centro de la regiona nacia naturparko, ĉirkaŭita de belegaj pinarbaroj. Birštonas estas antikva kaj fama balneologia kuracloko de Litovio, fondita en 1382. La urbo estas ideala loko por laboro kaj ripozo, ĝi estas facile atingebla buse kaj aŭtomobile. Eblos uzi multegajn (pli ol 50) diversajn kuracajn kaj sanigajn procedurojn kaj servojn, naĝejon, saŭnon, sportan salonon k.a. BET-52 havas subtenon, kunlaboron kaj diversflankan helpon de la urba municipo. La ĉefa lokalo de BET-52 estas bonege ekipita sanatorio *Versmė*. En Birštonas jam okazis BET-40 en 2004.

**ANTAŬ KAJ POST BET-52** estas ebleco laŭ moderaj prezoj aktive ripozi, plibonigi sian sanon, uzi multegajn sanigajn kaj kuracajn procedurojn kaj servojn, kuraci sin en unu el tri tre altnivelaj kaj modernaj sanatorioj kaj kuracejoj de Birštonas *Versmė*, *Tulpės* kaj *Eglė,* aŭ en urbaj hoteloj, gastejoj, turismejoj kaj ripozejoj.

**ALIĜKOTIZO**: por la rusiaj esperantistoj – 35 eŭroj. Infanoj, lernantoj kaj studentoj aliĝkotizon ne pagas. Pageblas en ajna konvertebla valuto.

**ALIĜO KAJ PREZOJ**: Pri la aliĝeblecoj, prezoj de loĝado, manĝado, pageblecoj kaj aliaj kondiĉoj legu en la retejo de la aranĝo (v. sube). Eblas aliĝi rete <www.esperanto.lt/aligxilo_BET.html>.

**GRAVE**: Esperantistoj, kiuj grave kontribuos al la programo de la aranĝo, por la loĝado (krom hoteloj) aŭ manĝado laŭelekte ne pagos.

**PROGRAMO**: somera universitato, paroligaj kaj perfektigaj kursoj, literaturaj aranĝoj, muzikaj kaj artaj vesperoj, debatoj pri situacio kaj problemoj de Esperanto-movado en baltiaj landoj, tradukista kurso, pedagogia seminario, seminario de klubestroj kaj aktivuloj, movada lernejo, scienc-

teknikaj kaj fakaj aranĝoj, instruado de kantoj, junularaj aranĝoj, konkursoj, kvizoj, distraj programeroj, ekskursoj, diskutoj, forumoj, libroservo, diservo, interkona vespero, baza konatiĝo kun la litovaj lingvo kaj kulturo, ekspozicioj, filmoj kaj lumbildoj, gazetara konferenco, sportaj ludoj, oficiala malfermo kaj fermo, adiaŭa vespero.



**KONTAKTADRESO**: p.k. 167, LT-44287 Kaunas, Litovio, Litova Esperanto-Asocio. Poŝtelefonoj de LEA estas +370-687-12219 ; +370-686-69875. Telefakso estas: +370-37-228616. Retadresoj de LEA estas: <litova.ea@mail.lt>; <irenaa@takas.lt>; <pjegorovas@takas.lt>. Retejo de BET-52 estas <www.esperanto.lt/board/zboard.php?id=BET52>.

**BONVENON AL LITOVIO !**

## MEMBROSTATISTIKO DE UEA JE 1-A DE SEPTEMBRO

Jen informoj pri la evoluo de la membrostatistiko de UEA:

La 1-an de septembro la nombro de individuaj membroj atingis 5382. Tio estas precize je 600 pli ol la 1-an de septembro antaŭ unu jaro, kiam la nombro estis 4782. Evidente la granda UK estas la ĉefa kaŭzo de la 12,5-procenta kresko. La 100-a UK en Lillo altiris 2698 aliĝintojn, dum pasintjare en Bonaero la nombro estis 706.

Laŭkategorie la nombroj estis (interkrampe komparo kun la 1-a de septembro 2014): Membro kun Gvidlibro 349 (-48), juna MG 36 (-1), Membro kun Jarlibro 1975 (+756), juna MJ 279 (+46), Membro-Abonanto 1732 (-112), juna MA 60 (-13), Dumviva Membro 739 (-33), juna DM 13 (-1), DM kun Jarlibro 135 (+8), juna DMJ 15 (sama), Honora Membro 43 (-2), Honora Patrono 6 (sama).

1324 ne estis membroj pasintjare. El ili 892 aliĝis al la UK kaj 432 ne. La proporcio de virinoj inter la novaj membroj estas 50%, tiu de viroj 47%. En la tuta membraro 62% estas viroj kaj 35% virinoj. Pasintjare 30% estis virinoj, sed Lillo efike kreskigis ilian proporcion ĉi-jare. La tendenco estas, ke virinoj okupas kreskantan parton de la membraro. Notindas, ke el la dumvivaj membroj nur 28% estas virinoj. Tio respegulas la ĝeneralan bildon en la pasinteco, ĉar plejparte dumvivaj membroj kotizis antaŭ longe.

Fine, 890 pasintjaraj membroj ĝis nun ne remembriĝis ĉi-jare. El ili 71 estas aliĝintoj de UK en Bonaero. Interesa estas ankaŭ la distribuo de la ne-realiĝintoj laŭ la kategorioj: MG 113, MG-T 33, MJ 337, MJ-T 149, MA 227, MA-T 31.

***Osmo Buller (Nederlando)***

## "ORESTO KUZJMA"-TAGOJ

Ne por ĉiuj esperantistoj la nomo "Orest Kuzjma" ion signifas.

La Oresto Kuzjma-tagoj estas aranĝo, organizita en Kolomeo (60 km de Ivano-Frankivsko), celanta studi historion de la ukrainia E-movado, popularigi en la mondo ukrainajn historion, literaturon kaj kulturon, kunigi esperantistojn, dezirantajn per Esperanto labori por bono de Ukrainio.

Ĉi-jare la aranĝo okazis jam la trian fojon. Ĉi-foje ĝin partoprenis 26 esperantistoj el 11 loĝlokoj de Ukrainio.

En la programo de la tagoj estis:

– ekskurso tra la domo-muzeo de Oresto Kuzjma;

– literatura-muzika konkurso;

– impresoj pri la 100-a Universala kongreso de Esperanto en Lillo;

– matineo, dediĉita al Vasil Atamanjuk, ukraina verkisto, kunlaboranto de "Ukraina Stelo", en lia naskiĝurbeto Jabluniv;

– tuttaga ekskurso al la alpo Rosohata proksime de Sesori, en la Nacia natura parko "Huculio", dum kiu eblis pli profunde ekkoni la vivon de huculoj, gustumi preparatajn surloke fromaĝojn, admiri belegajn pejzaĝojn.

***Dmitrij Cibulevskij (Ukrainio)***



## TEMO DE LA 101-A UK: “SOCIA JUSTECO – LINGVA JUSTECO”

*Laŭ la decido de la Estraro de UEA, la temo de la 101-a UK en Nitro estos “**Socia justeco – lingva justeco”**. Jen estas la enkonduko de la Prezidanto de UEA, d-ro Mark Fettes, al la temo.*

Jam dekomence, Esperanto estas ligita al la homa strebado por paco. Sed kia paco? Evidente ne la “romia paco”, trudita de la forto de armiloj kaj la subpremo de opozicio; temas pri paco, kiun *la popoloj faros en konsento*. Paco inter egaluloj. Per tio, la strebado por paco fariĝas ankaŭ strebado por justeco. Nur homoj egalrajtaj kaj egalvoĉaj povas kunkonstrui socion *en konsento* unu kun la alia. La Universala Deklaracio de Homaj Rajtoj listigas kelkajn el la bazaj principoj de tia socio.

Tamen ekzistas multaj obstakloj al la realigo de tiuj celoj. Nenie troviĝas socio plene justa, kaj la monda evoluo ne ĉiam favoras la justecon. Nuntempe, ekzemple, disvastiĝas debatoj pri la traktado de rifuĝintoj. Indiĝenaj popoloj plu suferas pro la detruado de siaj teroj, lingvoj, kulturoj. En movado por paco kaj justeco kiel la nia, gravas klerigi nin pri tiuj fenomenoj kaj pri la alternativoj, por kiuj luktas aliaj movadoj.

Ege ofte en tiaj movadoj mankas konscio pri lingva justeco. Sed anstataŭ kulpigi ilin, ni serĉu la komunajn valorojn, la parencajn celojn, kiuj ebligas kunlaboron. Taŭga kadro por tiaj esploroj estas la nuntempaj streboj al daŭripova evoluo. Nepras trovi lokon por Esperanto inter tiuj streboj.

La 101-a UK markos la 20-jariĝon de la Manifesto de Prago, kiu siatempe celis klarigi la rilaton inter Esperanto kaj aliaj sociaj temoj. Venis tempo por ĝia ĝisdatigo, en kongreso vaste malfermita al la mondo. Al ĉiuj strebantoj por justeco ni alvokas: venu kongresi kun ni en Nitro!

***Gazetaraj Komunikoj de UEA***

## LA KONGRESA LIBROSERVO AMASE VENDIS EN LILLO

Kun la vendosumo de 47983,75 eŭroj la Libroservo de UEA atingis dum la 100-a UK en Lillo sian plej bonan kongresan rezulton de pli ol dek jaroj. La plej furora titolo estis la teatraĵo *Feliĉas ĉiuj*, prezentita sursceneje en la Kongreso. De ĝi vendiĝis 120 ekzempleroj, dum la ofta ĉampiono de la kongresaj libroservoj, la prelegaro de la Internacia Kongresa Universitato, rikoltis 87 aĉetojn. La plej populara kompakta disko estis *Kavaliriko* de la grupo Kapriol’ (30 ekz.).

Sube estas listigitaj la 20 plej furoraj libroj kaj diskoj. Ne aperas bild- kaj poŝtkartoj, ludoj, glumarkoj, insignoj, skribiloj, ĉemizoj k.s., da kiuj vendiĝis centoj. Multaj varoj estis vendataj kun granda rabato.

120 *Feliĉas ĉiuj* (C.Sancricca)
87 *Internacia Kongresa Universitato 2015* (red. J.A.Vergara)
52 *Poŝamiko* (B.Allée & K.Kováts)
47 *Fabeloj de la mezepoko* (A.Striganova)
44 *L'espéranto par la méthode directe* (S.Marček)
42 *Historio de la Esperanta literaturo* (C.Minnaja, G.Silfer)
40 *Sinonima vortaro de Esperanto* (E.Dimov)
40 *Lingvomanio* (lingvo.info)
40 *Kongresaj paroladoj* (L.L.Zamenhof)
33 *UEA en konscio de esperantistoj* (Z.Galor, J.Pietiläinen)
33 *Belarta rikolto 2015* (div. aŭtoroj kaj redaktoroj)
32 *La templo de l' suno* (Hergé)
30 *Esperanto por lernejaj klasoj,* vol. 1 (J.Barboza)
30 *Krimeo estas nia* (K.Kniivilä)
30 *Homoj de Putin* (K.Kniivilä)
30 *Interlingvo inter lingvoj* (Red. M.Lipari kaj H.Tonkin)
30 *Kavaliriko* (KD; Kapriol')
29 *Interdisciplinary Description of Complex Systems* (div. aŭtoroj)
28 *La Jaro 2016* (poŝagendo de FEL)
25 *Kajto flugas* (KD; Kajto)

***Gazetaraj Komunikoj de UEA***

## HELPO DE BIBLIOTEKA APOGO BACHRICH AL OK BIBLIOTEKOJ

La fondaĵo "Biblioteka Apogo Honore al la Geedzoj Maria kaj Johano Bachrich", kiun UEA starigis pasintjare per donaco de la gefiloj de ges-roj Bachrich, disdonis 1500 eŭrojn kiel siajn ĉi-jarajn subvenciojn. La fondaĵo asignis subvenciojn al 8 el 11 petintoj. La Libroservo de UEA jam ekspedis al la sukcesintoj librojn aŭ aliajn eldonaĵojn laŭ iliaj dezirlistoj. Subvencion ricevis Biblioteko Carlos Domingues de Brazila Esperanto-Ligo (180 eŭroj), Bulgara Esperanto-Asocio (191 eŭroj), Esperanto-biblioteko en Rumonge (Burundo; 377 eŭroj), Biblioteko de Ĉeĥa Esperanto-Asocio en Svitavy (133 eŭroj), Filipina Esperanto-Junularo (157 eŭroj), Dokumenta Esperanto-Centro (Kroatio; 145 eŭroj), Esperanto Nicaragua (158 eŭroj) kaj Biblioteko de "La Ondo de Esperanto" (Rusio; 156 eŭroj).

La Biblioteka Apogo Bachrich daŭrigas la tradicion de la iama Biblioteka Apogo Thorsen, kies bonhavon donacis ges-roj Roma kaj Poul Thorsen kaj kiu subtenis Esperanto-bibliotekojn ekde 1997 ĝis 2011.

***Gazetaraj Komunikoj de UEA***

# la verda KoRo

*kultura revuo*



## "LA BARD' EL LANDO DE PEREO"[1]

Ni iris tra la polva ban'
Sur ard-argilo de Krimeo.
Baĥĉisarajo[2], kiel ĥan',
Dormetis en montar-kombeo.
Kaj mi sur roko de l' kanjon'
Ĉe la ruin' de *Ĉufut-kale*[3]
Surgratis pene per krajon':
"L' dudeka jar'. Rusio, *vale*[4]!"

***(Nikolaj Turoverov, el la poemo "Krimeo")***

En novembro 2015 oni celebras la 95-an datrevenon de la Rusa Elmigro – tragika evento en la rusia historio, kiam estis evakuitaj la Blankgvardia rusa armeo kaj la Nigramara floto sub gvido de generalo Petro Vrangelj el havenoj de Krimeo rezulte de malvenko en la enlanda milito kontraŭ la bolŝevismaj milittrupoj.

En 1920 Krimeo restis sola teritorio en la suda Rusio, kie la adeptoj de la kontraŭrevolucia Blanka movado lastpene kontraŭstaris ofensivon de la "ruĝa" amasego de revolucie obseditaj landanoj. La fortoj estis tro malegalaj. Kompreninte sensencon de plua rezistado, Vrangelj ordonis en novembro 1920 komenci la evakuadon. Inter la 13-a kaj la 17-a de novembro la landon forlasis pere de 126 ŝipoj ĉirkaŭ 146 miloj da rusianoj, inkluzive 30 milojn da civilaj personoj, inter kiuj estis multaj famaj sciencistoj, verkistoj, artistoj, anoj de la Rusa ortodoksa eklezio. Antaŭ la fornavigo Vrangelj diris al la blankgvardianoj: "Forlasita de la tuta mondo, nia sensangiĝinta armeo, batalinta ne nur por la rusa afero, sed por bonstato de la mondo, forlasas la patroteron. Ni iras al ekzilejo kun la alte levitaj kapoj, kun konscio de maksimume plenumita devo".

---

[1] *El la poemo de N.Turoverov "De mi tentata estis sort'".*
[2] *Baĥĉisarajo – urbo en Krimeo.*
[3] *Ĉufut-kale – restaĵoj de la mezepoka urbo apud Baĥĉisarajo.*
[4] *Vale (latine) – adiaŭ.*

Inter la elmigrintoj estis ankaŭ la rusa poeto Nikolaj Turoverov, kies nomo ĝis nun ne estis vaste konata al rusiaj poeziŝatantoj pro malpermeso de publikigo de lia verkoj dum la sovetia periodo. Sed ekster Rusio, en la rusa diasporo, li estis fama kiel elstara poeto kaj literaturisto, postlasinta multvoluman poezian heredaĵon. Li plej bone esprimis en siaj poemoj sentojn de la ekzilitoj, kies pluaj sortoj estis plejparte malfeliĉaj. Plejmulto el ili, samkiel N.Turoverov, neniam havis eblecon reveni al la patrolando. Animsuferoj pro la tragika perdo de la tutkore amata patrotero, akra nostalgio, ne ĉesanta dum la tuta plua vivo, traas la tutan poemaron de la poeto.

Pleja parto de liaj poemoj estis dediĉitaj al liaj vivospertoj en Rusio: lia partopreno en la kruelaj bataloj por ĝi; amaro pro malvenkoj kaj forlaso de la patrujo; kortuŝaj rememoroj pri sia ĉe-Dona naskiĝtero, pri ties beleco, pri la popolaj tradicioj; pri la gepatroj, kies tragika sorto restis ekster lia scio – ili estis ekzilitaj al Siberio, kie mortis en malfeliĉo.

Poetiko de la versaĵoj de N.Turoverov estas tre proksima al tiu de Sergej Jesenin: sama plej tenera kaj fidela amo al la patrotero, al sia naskiĝloko, kies naturon kaj popolajn kutimojn li majstre pentras per belaj kaj originalaj metaforoj.

Nikolaj Turoverov naskiĝis la 18-an (30-an) de marto 1899 en la stanico (kozaka vilaĝo) Staroĉerkasskaja en la regiono de la Dona Armeo de Rusa Imperio (nun Rostova regiono de Rusia Federacio). Post fino de la kurso en la Novoĉerkasska kozaka lernejo li kiel ano de la Korteg-Gvardia Atamana regimento partoprenis en la Unua mondmilito, poste batalis kontraŭ bolŝevistoj en la Blankgvardia Volontula Armeo ĝis la evakuo el Krimeo.

Eksterlande li multe migris kaj mizeris kune kun sia edzino en Grekio, Albanio, Serbio, Francio. La plej grandan parton de la fremdlanda vivo li pasigis en Parizo, kie en 1928-1965 aperis kvin liaj verslibroj. En 1939 Nikolaj Turoverov aniĝis en la Unua Eksterlanda Kavaleria Regimento (1-er Régiment Étranger de Cavalerie), kie li servis en la Norda Afriko kiel eskadronestro. En 1940 li kune kun la regimento revenis al Francio kaj partoprenis en la defensivaj bataloj kontraŭ la germanaj milittrupoj. Necesas noti, ke diference de pluraj elmigrintaj rusaj kozakoj, kiuj dum la Dua mondmilito batalis kune kun la hitleranoj kontraŭ Soveta Unio, Nikolaj Turoverov, granda kaj ĝismorte fidela patrioto de Rusio, principe malaprobis tion kaj eĉ pretis pardoni siajn malnovajn malamikojn-bolŝevistojn por komuna defendo de la patrujo (poemo "Kamarado").

Post la Dua mondmilito N.Turoverov okupiĝis pri literatura kaj kultura agado, li kreis kaj gvidis en Parizo Rondon de kozakoj-literaturistoj, eldonadis "Kozakan Almanaĥon" kaj revuon "La patra tero", zorgis pri la Muzeo de la Korteg-Gvardia Atamana Regimento.

Lastajn jarojn de la vivo Nikolaj Turoverov pasigis en la Suda Francio. Li mortis la 23-an de septembro 1972 kaj estis entombigita en la tombejo Sainte-Geneviève-des-Bois.

Sur la marmora tabulo de la surtomba kruco oni povas legi: “Ano de la Dona Regimento Nikolaj Nikolajeviĉ Turoverov 1899-1972. Rusia fiero kaj gloro!”.

***Ludmila Novikova (Moskvo)***



# Versaĵoj de Nikolaj Turoverov

## *en la tradukoj de Ludmila Novikova*

**ИЗ ПОЭМЫ “ПЕРЕКОП”**

* * *

Нас было мало, слишком мало.
От вражьих толп темнела даль;
Но твёрдым блеском засверкала
Из ножен вынутая сталь.
Последних пламенных порывов
Была исполнена душа,
В железном грохоте разрывов
Вскипали воды Сиваша.
И ждали все, внимая знаку,
И подан был знакомый знак…
Полк шёл в последнюю атаку,
Венчая путь своих атак.

* * *

Забыть ли, как на снегу сбитом
В последний раз рубил казак,
Как под размашистым копытом
Звенел промёрзлый солончак,
И как минутная победа
Швырнула нас через окоп,
И храп коней, и крик соседа,

**EL LA POEMO “PEREKOPO[1]”**

* * *

Ni estis pokaj, troe pokaj.
Tutĉie svarmis malamik’;
Sed niaj sabroj reciprokaj
Ŝtalfirme fulmis el sabring’.
Pleniĝis la anim’ de ardo,
Impeta ondo de kuraĝ’ ;
Pro la senĉesa kanonado
Ekbolis akvo de Sivaŝ’[2].
Post la konataj marŝsignaloj
Atakon lanĉis la taĉment’,
Per kiu vojon de bataloj
Finkronis nia regiment’.

* * *

Forgesos tion mi nenie,
Kiel sabradis la kozak’,
Kiel sonoris ter’ glacie
Sub la svinganta hufa hak’,
Kiel la venko porminuta
Nin ĵetis de l’ tranĉea baz’...
Jen ĉevalronk’, kaj kri’ akuta,

---

*[1] Perekopo – urbo en Krimeo apud la limo inter la Krimea duoninsulo kaj la kontinento.*

*[2] Sivaŝo – golfo de Azova maro, disiganta la Krimean duoninsulon disde la kontinento.*

И кровью залитый сугроб.
Но нас ли помнила Европа,
И кто в нас верил, кто нас знал,
Когда над валом Перекопа
Орды вставал девятый вал.

Kaj sangkovrita neĝamas'.
Ĉu konis tiam nin Eŭropo,
Ĉu memorfiksis nin la mond',
Kiam la Mont' de Perekopo[1]
Ne savis nin de l' Monta ond'[2]?

* * *

О милом крае, о родимом
Звенела песня казака,
И гнал и рвал над белым Крымом
Морозный ветер облака.
Спеши, мой конь, долиной Качи,
Свершай последний переход.
Нет, не один из нас заплачет,
Грузясь на ждущий пароход,
Когда с прощальным поцелуем
Освободим ремни подпруг
И, злым предчувствием волнуем,
Заржет печально верный друг.

*1925*

* * *

Pri l' patrotero, pri l' paseo
Kozako kantis en taĉment'.
Kaj super blanka land' Krimeo
Ŝirpelis nubojn frosta vent'.
Rapidu, mia virĉevalo,
En nia lasta militmarŝ'!
Ne nur mi ploros en finalo
Dum enŝipiĝo sen la ŝarĝ',
Kiam, kisinte vin lastfoje,
Deligos ventrozonojn mi,
Kaj, kompreninte, tre malĝoje
Ekhenos plej fidela vi.

*1925*



## ОТПЛЫТИЕ

### I

Уходит дымный контур Аю-Дага.
Остались позади осенние поля.
На юг идёт за пеной корабля
Стальных дельфинов резвая ватага.
Вчерашних дней кровавая отвага
Теперь для нас неповторимый сон.
Даль придавил свинцовый
небосклон,
Всё больше вёрст на циферблате
лага.

## FORNAVIGO

### 1

Svagiĝas la kontur' de Aju-Dago[3].
Postrestis de aŭtunaj kampoj nud';
Post ŝipa ŝaŭmo naĝas al la sud'
Delfena ar' sen scio pri la plago.
Bravec' de l' hieraŭa sanga tago
Por ni postrestas nur en rememor'.
Sub plumba firmamento dronis
for',
Plej multas verstoj de dumviva
vago.

---

[1] *Monto de Perekopo – tiel nomata Perekopa Remparo, kreita en antikva periodo, kiu apartigas la Krimean duoninsulon disde la kontinento.*
[2] *Monta ondo – metaforo de la plej alta kaj forta mara ondo dum la ŝtormo, simbolo de fatala danĝero, nesuperebla forto.*
[3] *Aju-Dago – montaro kaj kabo en Krimeo.*

**II**

Помню горечь солёного ветра,
Перегруженный крен корабля;
Полосою синего фетра
Уходила в тумане земля;
Но ни криков, ни стонов, ни жалоб,
Ни протянутых к берегу рук, –
Тишина переполненных палуб
Напряглась, как натянутый лук.
Напряглась и такою осталась
Тетива наших душ навсегда.
Чёрной пропастью мне показалась
За бортом голубая вода.
И, прощаясь с Россией навеки,
Я постиг, я запомнил навек
Неподвижность толпы на спардеке,
Эти слёзы у дрогнувших век.

*1926*

**2**

Mi memoras salguston de l’ vento,
Sink-kliniĝon de l’ ŝip’ pro
troŝarĝ’.
Kiel strio de helblua felto,
Nebuldronis la borda pejzaĝ’.
Sed nek krioj, nek veoj ĉagrenaj,
Nek mangestoj kun streb’
al reven’…
Silentad’ de l’ ferdekoj plenplenaj
Estis kiel streĉita tenden’.
Ĉi tendeno de l’ antagonismo
Restis streĉa dum plua vivad’ .
Transformiĝis je nigra abismo
Blua akvo post la balustrad’.
Forlasante por ĉiam Ruslandon,
Memorfiksis mi por la etern’
Rigidiĝon de l’ homoj, ŝiprandon,
Larmojn de la disiĝa konstern’.

*1926*



## КРЫМ

Уходили мы из Крыма
Среди дыма и огня;
Я с кормы всё время мимо
В своего стрелял коня.
А он плыл, изнемогая,
За высокою кормой,
Всё не веря, всё не зная,
Что прощается со мной.
Сколько раз одной могилы
Ожидали мы в бою.
Конь всё плыл, теряя силы,
Веря в преданность мою.
Мой денщик стрелял не мимо,
Покраснела чуть вода...
Уходящий берег Крыма
Я запомнил навсегда.

*1940*

## KRIMEO

Eskapante el Krimeo
Tra la fum’ kaj flamskual’,
Mispafadis mi kun veo
Al lasita virĉeval’.
Ĝi postnaĝis rapidpene
Post la ŝipa pobsteven’,
Senkonscie, senkomprene
Pri disiĝo sen reven’.
Ofte nin komuna morto
Atendadis en batal’.
Fidelecon, jam sen forto,
Kredis mia virĉeval’.
Trafis pafo servsoldata,
Kaj ruĝiĝis mara ond’...
Pri Krimeo forlasata
Mi memoros ĝis la mort’.

*1940*

## ИЗ ПОЭМЫ “ПАРИЖ”

Опять в бистро за чашкой кофе
Услышу я, в который раз,
О добровольческой Голгофе
Твой увлекательный рассказ;
Мой дорогой однополчанин,
Войною наречённый брат,
В снегах корниловской Кубани
Ты, как и все мы, выпил яд
Пленительный и неминучий,
Напиток рухнувших эпох;
И всех земных благополучий
Стал для тебя далёк порог.
Всё той же бесшабашной воле
Порывы сердца сохраня,
Ты мнишь себя в задонском поле,
Средь пулемётного огня,
И сквозь седую муть тумана,
Увидя людные бугры,
Сталь неразлучного нагана
Рвёшь на ходу из кобуры.

* * *

Что можем мы и что мы знаем?
В плену обыкновенных дней
Упрямо грезя грозным раем
Жестокой юности своей.
С настойчивостью очевидца
Своей страны шальной судьбы
Мы заставляем сердце биться
Биеньем бешеным борьбы.
Что ж, может быть, в твоей отраве,

## EL LA POEMO “PARIZO”

En la kafejo ĉe te-poto
Aŭskultos mi laŭ via pet’
Pri la Volontulism-Golgoto[1]
Rakonton vian en ripet’.
Ho, mia samregimentano,
Nomita militfrat’ por mi,
En la Kornilov-a Kubano[2]
Venenon prenis vi kun ni,
Neeviteblan por ni faton
De l’ frakasita limepok’,
Kaj teran ĉian ajn bonfarton
Forgesis vi en ajna lok’.
Senbridan strebon al libero
Konservis ĉiu kora bat’,
Kaj vidas vi post Don’-rivero
Vin en batala kanonad’,
Kaj tra nebula griztavolo,
Aŭdinte tinton de la kling’,
Vi ŝtalon de l’ amik-pistolo
Elŝiras el la pistoling’.

* * *

Kion ni povas, kion scias
En nia oportuna kaĝ’ ?
Pri l’ kataklismoj ni deliras
De nia eksa jam junaĝ’,
Kaj kun persist’ de atestanto
Pri nialanda drama fal’
Akcelas koron ni ĝis stato
De furioza mortbatal’.
Por vi, Parizo, eble fremdas

---

*[1] Temas pri la Blankgvardia Volontula Armeo, kreita de generalo Lavr Kornilov, kiu kontraŭstaris en 1918-1920 la bolŝevismajn militfortojn dum la enlanda milito en Rusio.*

*[2] Kubano – historia regiono de Rusio en baseno de la rivero Kubano (nuntempa Krasnodara regiono).*

Париж, смешон теперь наш бред,
Но затереть никто не вправе
Тех дней неизгладимый след;
Пока нам дорог хмель сражений,
Походов вьюги и дожди,
Ещё не знают поражений
Непобедившие вожди.

De niaj vivoj aventur',
Sed strebi al forviŝ' ne endas
De ĉi neforgesebla spur' ,
Ĉar dum fermentas en memoro
De l' militmarŝoj batalard',
Malvenkon ne akceptos koro
De ne venkinta komandant'.

* * *

Как счастлив я, когда приснится
Мне ласка нежного отца,
Моя далёкая станица
У быстроводного Донца,
На гумнах новая солома,
В лугах душистые стога,
Знакомый кров родного дома,
Реки родные берега;
И слёз невольно сердце просит,
И я рыдать во сне готов,
Когда вновь слышу в спелом просе
Вечерний крик перепелов,
И вижу розовые рощи,
В пожаре дымном облака,
И эти воды, где полощет
Заря весёлые шелка.
Мой милый край, в угаре брани
Тебе я вымолвил – прости;
Но и цветам воспоминаний
Не много лет дано цвести.
Какие пламенные строфы
Напомнят мне мои поля
И эту степь, где бродят дрофы
В сухом разливе ковыля;
Кто дали мглистые раздвинет –
Унылых лет глухую сень, –
И снова горечью полыни
Дохнёт в лицо горячий день;
Набат станиц, орудий гулы,

* * *

Feliĉas mi, kiam mi sonĝas
Pri la gepatra bonkorec',
Pri la vilaĝo, kiu foras
Ĉe bordo de l' river' Donec';
Mi sonĝas mian patrodomon,
Kaj freŝan pajlon en garbej',
De fojnostakoj herbaromon,
Riveran fluon puran plej.
Kaj min sufokas nostalgio,
Mi pretas plori pro desper',
Kiam mi aŭdas en milio
Koturnajn kriojn en vesper';
Kiam helrozaj boskoj ravas,
Flamantaj nuboj super ter'
Kaj sunsubiro, kiu lavas
Purpuran silkon en river'.
Ho, kara ter', en batalsvarmo
Mi vin forlasis kun angor'.
De miaj rememoroj ĉarmo
Ĉu longe floros en la kor' ?
Ĉu povas strofoj sen korardo
Rememorigi pri l' kampar',
Pri l' stepo, kie naĝas stardo[1]
En seka akvo de stip-mar'?
Ĉu povas iu mag' disventi
Tenebron de malĝoja vag'
Kaj en vizaĝon varme ĵeti
Absintaromon en suntag'?
Kaj ree sonos kanonbato

[1] *Stardo = otido.*

Крещенье первого огня,
Когда судьба меня швырнула
От парты прямо на коня.
*1928*

De la unua bapt-batal',
Kiam min, knabon, ĵetis fato
De lernobenko al ĉeval'.
*1928*

Я знаю, не будет иначе,
Всему свой черёд и пора.
Не вскрикнет никто, не заплачет,
Когда постучусь у двора.
Чужая на выгоне хата,
Бурьян на упавшем плетне,
Да отблеск степного заката,
Застывший в убогом окне.
И скажет негромко и сухо,
Что здесь мне нельзя ночевать,
В лохмотьях босая старуха,
Меня не узнавшая мать.
*1930*

Mi scias pri mia revojo
Tro tarda al mia hejmkort'.
Ne aŭdos mi kriojn de ĝojo
Post kiam mi frapos je l' pord'.
Jam fremdos la ĥat' kaj barilo,
En lapoj kuŝanta ĉe l' rand',
Kaj la sunsubira rebrilo
En la fenestra malgrand'.
Ekpelos kun veaj admonoj
Nerekoneblan jam min
Maljunulin' en ĉifonoj –
Mia mizera patrin'.
*1930*

## СОЧЕЛЬНИК

Темнее стал за речкой ельник.
Весь в серебре синеет сад,
И над селом зажег сочельник
Зеленый медленный закат.
Лиловым дымом дышат хаты,
Морозна праздничная тишь.
Снега, как комья чистой ваты,
Легли на грудь убогих крыш.
Ах, Русь, Московия, Россия,
Простор безбрежно снеговой,
Какие звезды золотые
Сейчас зажгутся над тобой.
И всё равно, какой бы жребий
Тебе ни бросили года,
Не догорит на этом небе
Волхвов приведшая звезда.
И будут знать и будут верить,
Что в эту ночь, в мороз, в метель

## ANTAŬ KRISTNASKA FESTO

Abioj nigras trans rivero.
Ĝardeno – en arĝent-drapir'.
Kaj jen ekbrulis super tero
Helverda lanta sunsubir'.
Per fum' viola spiras ĥatoj,
Festece frostas la kviet'.
Kaj kaŝis neĝ' per puraj vatoj
Mizeran bruston de l' tegment'.
Moskvio, Rusoland', Rusio,
Vastaĵoj neĝaj en senfin'!
La oraj steloj de la Dio
Denove nun prilumos vin.
Kaj ia ajn vin trafu loto –
Plu brilos desur la ĉiel'
Kiel la bena Dia doto
Loginta l' magojn Sankta stel'.
Kaj kredos vi dum la eterno,
Ke en ĉi nokto, en blizard'

Младенец был в простой пещере
В стране за тридевять земель.
Никто другой не станет ближе,
Чем Он, скуде дымящих хат,
Когда сухой мороз пронижет
Весёлый крик твоих коляд.

*1926*

Naskiĝis Bebo en kaverno
En fabeleca suda land'.
Neniu iĝos pli proksima,
Ol Li, al la mizera ĥat',
Kiam en seka frost' kutima
Eksonos gaja gratulkant'.

*1926*

---

Ты с каждым годом мне дороже

Ты с каждым годом мне дороже,
Ты с каждым годом мне родней,
Ты никогда понять не сможешь
Любви безвыходной моей.
Ты не оценишь эту нежность,
Названия которой нет,
Всю обречённость, безнадежность
Моих однообразных лет.
Ты обрекла меня на муку,
Но буду славить вновь и вновь
Я нашу страшную разлуку,
Неразделённую любовь.

*1938*

Pli karas vi de jar' al ajro

Pli karas vi de jar' al jaro
Kaj plej parencas laŭ destin',
Sed por vi fremdas la amaro
De mia amo ĝis vivfin'.
Vi ne komprenos la teneron
De mia en izol' anim',
Senelirecon, senesperon
De mia vivo en pilgrim'.
Vi min kondamnis al malbeno,
Sed gloros ĉiam mi sen ĉes'
Disiĝon nian sen reveno
Kaj l'amon sen reciprokec'.

*1938*

---

**ТОВАРИЩ**

Перегорит костёр и перетлеет,
Земле нужна холодная зола.
Уже никто напомнить не посмеет
О страшных днях бессмысленного зла.
Нет, не мученьями, страданьями и кровью –
Утратою горчайшей из утрат:
Мы расплатились братскою любовью
С тобой, мой незнакомый брат.
С тобой, мой враг под кличкою «товарищ»,
Встречались мы, наверное, не раз.

**KAMARADO**

La lignofajron baldaŭ cindro kovros,
Bezonas cindron la malsata ter'.
Neniu jam malice rememoros
Pri l' tagoj de kruelo kaj sufer'.
Ne, pagis ni ne per turment' kaj sango,
Sed per seniĝo je la frata stat' –
Per plej amara kaj sensenca pago,
Ho, mia nekonata frat'!
Ni, malamik' kun nomo "kamarado",
Verŝajne, renkontiĝis en batal'.
Savadis Dio min dum militado,

Меня Господь спасал среди
пожарищ,
Да и тебя Господь не там ли спас?
Обоих нас блюла рука Господня,
Когда, почуяв смертную тоску,
Я, весь в крови, ронял свои
поводья,
А ты, в крови, склонялся на луку.
Тогда с тобой мы что-то
проглядели,
Смотри, чтоб нам опять не
проглядеть:
Не для того ль мы оба уцелели,
Чтоб вместе за отчизну умереть?
*1944*

Kaj same vin ne tuŝis la fatal'.
Nin ambaŭ gardis tiam mano
Sankta,
Kiam en flamo de l' militperturb'
Ellasis tirrimenojn mi, sanganta,
Kaj vi, vundita, falis al selkurb'.
Ni ambaŭ tiam ion pretervidis.
Do, nun denove ne eraru ni.
Ĉu eble tial mi kaj vi pluvivis
Por kune nun perei por Patri'?
*1944*

Свою судьбу я искушал –
В те дни всего казалось мало, –
Я видел смерть и с ней играл,
И смерть сама со мной играла.
Была та дивная пора
Неповторимым искушеньем,
И наша страшная игра
Велась с жестоким упоеньем.
Всепожирающий огонь
Испепелил любовь и жалость;
Сменялся бой, менялся конь,
Одна игра лишь не менялась.
Но был таинствен мой удел
Певца исчезнувшего края.
И я чудесно уцелел
В руинах рухнувшего рая, –
И вот тяжёлый жребий свой,
У смерти отнятую лиру
Влачу усталою рукой
По непонятному мне миру.
*1938*

De mi tentata estis sort',
Tra l' viv' senbride mi nomadis.
Mi ludis kun vidita mort'
Kaj morto mem kun mi ludadis.
Mirinda tiu vivprelud'
Unika estis sortelekto,
Kaj nia terurplena lud'
Obsedis nin per fi-delekto.
La vora flamo de l' fatal'
Cindrigis amon sen kompato.
Ŝanĝataj estis front', ĉeval',
Senŝanĝa restis ludo-fato.
Misteris mia sort-destin',
De l' bard' el lando de pereo,
La fato lasis vivi min
En la ruin' de Elizeo.
Ho, kiel pezas mia lir',
Kiu eskapis el la morto!
Mi trenas ĝin per laca tir'
Tra l' nekonata de mi mondo.
*1938*

# *Klara Ilutoviĉ (Elektrostalj)*

## Al la muzika UK
## – al la 15-a Internacia Ĉajkovskij-konkurso

### 1. Gratulon al la Konkurso

Ravu l' Ĉajkovskij-konkurso animojn
Je la mirinda spirita efik'!
Siajn donacojn portante trans limojn,
Fluu l' muzik'!

Lumu l' Konkurso al voj' de l' artisto,
Kiel senlaca fidela amik'!
Por plibeligo de la homekzisto
Flamu l' muzik'!

Brilu l' Konkurso je l' festa impreso
En ĉiu koro de l' vasta publik'!
Spite al pen', emoci', malsukceso
Voku l' muzik'!

Sonu l' Konkurso alloge, fabele,
Kiel la plej korproksima predik'!
Ĉiam pli bonesperige kaj hele
Vivu l' muzik'!

### 2. Dorna vojo

Konkursoj necesas por voj' de l' artisto
Al grandaj scenejoj tutmonde,
Ke li sin aŭdigu tra ŝtona rezisto
De l' viv' al novuloj responde.

Sentigu, ludante, magian imponon
De la korpenetra muziko,
Akiru sukceson, meritu rekonon
De la pretendema publiko!

Sed venko en granda konkursmaratono
Ne nur de l' talento dependas.
Intrigo, eraro, hazardo-demono
Spiritmalheliĝon alsendas.

La sorto misturnas konkursofoliojn:
Jen brilas venkinto glorkrone,
L' alia ricevis la kvaran premion –
Ĉu ludis li, do, pli malbone?

En la venk-aspiro je l' bola insisto
Esperoj plu interrivalas.
Konkursoj necesas por voj' de l' artisto,
Sed sur tiu voj' iuj falas...

## 3. Antaŭ ĵurianoj

L' Internacia konkurso muzika
Al la firmeco instigas.
Ĝin la spirita medi' streĉefika
Vokas, ekscitas, timigas.

Tie silentas la febla racio
Kun senrespondaj kialoj.
Fluas muzik' tra la bola konscio
Pri forta voĉ' de rivaloj.

Tiu ludkantas, ĉe tiu son' lumas –
Kiu impresas pli forte?
Ĉiu je sia talento sanktumas
Pri la muzik', siavorte!

Ordinarulo konkursi ne venas:
Kial mokinde aspekti?
Ĉiun talentoj alvokis kaj benas –
Kiel do juĝi-elekti?

Ĉu eblas ludi en plena forgeso
Pri la ĵuri' kaj poentoj,
Absorbiĝinte en la amkonfeso
Al grandaj sonoj de sentoj?

Ĉu ne forkuri tuj de l’ malhonoro?
Ne. Ludu vi. Ludu bone.
Regu fidinde la krea humoro
Kaj la inspir’ vervodone!

## 4. Deziroj al la partoprenantoj

Vi ĉiuj vin aŭdigu arte elokventaj –
Etos’ de la Konkurso por venkem’ inspiras!
Vi ĉiuj senescepte estas tre talentaj –
Tutmonde grandajn halojn mi al vi deziras!

La manoj aŭ la voĉ’ ne falu senreviĝe,
L’ Konkurso, kiel vok’, en via koro sonu,
En la muzika mondo vivu plu feliĉe,
Kaj la muziko danke sin al vi redonu!

Amike helpu vin muzika via sperto,
Fidele pliigante viajn junajn fortojn,
Forgesu pri l’ Konkurso, estu ĝi koncerto –
Kiel facilas diri kuraĝigajn vortojn!..

## 5. Al la venkintoj

Venkis vi l’ Konkurson grandhonore,
Triumfante je l’ artisma plej’.
Vin Ĉajkovskij mem gratulas kore
El senlima sia eternej’.

Flugas vasten l’ arto helflugile,
Vokas alten la muzika ond’.
Venkis vi l’ Konkurson majstrobrile –
Aŭdu vin dankeme l’ tuta mond’!

## 6. Fine de la Konkurso

Por venkintoj de l’ Konkurso gloron,
Muzikvojon sen minaca bar’,
Kaj por malvenkintoj sortfavoron
En la ŝtorma novkonkursa mar’.

Se bezon' pri la Konkurso mankus,
Ĝi ne brilus arde je l' majest',
Kaj Ĉajkovskij ĉiujn, ĉiujn dankus
Pri l' tutmonda grandmuzika fest'!

## Restu en Kazano la strato Esperanto

Kiu faligis krudan baton,
Laŭ kies griza opini' –
Forigi l' Esperanto-straton
El la ĉefurba histori'?

Por kio meti ĝenan baron
Inter la nomo kaj la ŝtat',
Plizorgigante loĝantaron
De ties Esperanto-strat'?

Ĉu novaj stratoj ne sufiĉas
Por brilo de la fama nom',
Se aliloke sin dediĉis
Al gvida voj' la grava hom'?

La juĝproceso kaj monpuno
Pro "Esperanto" sur paper'
En ies man' – ĉu al la nuno
Revenas la iama ver'?

Ĉu kiel nom' de urbostrato
Nun Esperanto falu for
Kaj ĝin por la popolo-frato
Elstreku l' urb' el la memor'?

L' interkompren' kunige restu
En amikeca sia grand',
Kaj Esperanto ĝin sugestu
Per la stratnomo de la land'!

*septembro 2015*

# *Mikaelo Bronŝtejn*

# Mi stelojn jungis al revado...

***romanfragmento***[1]

## Vera

### 1.

*... Ni ne povas dume postuli tutlandan devigan instruadon de Esperanto pro multaj objektivaj kialoj. Sed dume ni devas postuli por Esperanto, pruvinta sian praktikan utilecon kaj eĉ ioman avantaĝon super aliaj naciaj lingvoj, certajn rajtojn. Lernantoj, kiuj posedas Esperanton, devas esti liberigitaj de nepra posedo de nac. lingvo (alilanda).*

*Nia kongreso devas plani, kiel ni atingu tion. Ĉar akcepto far Narkompros de la principo pri egalrajteco de Esperanto kun fremdlandaj lingvoj signifus, ke nia venko en la lernejoj estas plene kaj tute garantiita.*

***Dneprano, "Meĵdunarodnij jazik" №№ 20-22, 1926***

Vera legis tagĵurnalon.

Ho, nun ŝi havis iom da tempo por legi. La eta Miŝko naskiĝis en la komenco de junio sub la signo de Ĝemeloj kaj tute ŝanĝis la kutiman ritmon de ŝia vivo. Sed ŝi ne plendis! Ŝiaj aktualaj okupoj estis tre agrablaj, ĝojigaj kaj ĝuindaj por ŝi. Miŝko estis naskiĝinta kiel absolute normala bebo kun eka 51-centimetra korpolongo, kun ĉirkaŭ kvarkilograma pezo kaj kun forta voĉo, regule postulanta mamon aŭ ŝanĝon de vindo. Sed, naskinte lin, Vera devis forlasi la oficon de fremdlingva instruistino, kaj ja ankaŭ tiu estis ĝuinda por ŝi.

Dum la jaro en la lernejo ŝi vere ekamis sian oficon kaj certiĝis, ke ĝi estas ĝuste tio, kion ŝi volas kaj kapablas fari. La lernantoj kun ŝato akceptis la junan instruistinon de la germana kaj la franca lingvoj, ĉar ŝi inventadis por ili atentokaptajn kaj gajajn lingvajn ludojn, parkerigis kun ili facillingvajn versaĵetojn kaj eĉ sukcesis reĝisori por la Novjaro gajan kelklingvan spektaklon, kie ili plezure rolis kaj ricevis aplaŭdegojn de la tuta lernejo. Ĉio ĉi kune kaŭzis libervolan amasan venon de ŝiaj lernantoj ankaŭ al la fakultativaj lecionoj de esperanto, kiujn la direktoro permesis ekde la pasinta oktobro.

Sed nun ŝi estis leganta la tagĵurnalon en la komuna kuirejo. Per zorgoj de Semjon Podkaminer la uzino "Krasnij putilovec" donis al ŝia Slavik preskaŭ tuj post la edziĝo dudekmetran ĉambron en granda apartamento kun

---

[1] *Daŭrigo. La antaŭajn partojn vidu en REGo №№ 2 (87) – 4 (89).*

ok ĉambroj, loĝataj de ok laboristaj familioj, kun banĉambro, necesejo kaj kuirejo por komuna uzo. La kuirejo estis grandega, kvardekkvinmetra kun komuna kuirforno kaj mastrumaj mebloj, t.e. tabletoj, ŝranketoj kaj surmuraj bretoj, por kiuj ĉiu familio havis apartan spacon. Sincerdire, Vera iom timis mastrumi en la kuirejo dum vesperoj, kiam tie ĉeestis ĉiuj familimastrinoj, kuirantaj vespermanĝojn. Tro da bruo estis tie, kaj la babilado de tempo al tempo alternis kun kvereloj kaj skandaletoj, neeviteblaj eĉ ĉe bonaj interrilatoj de la kunloĝantoj. Nun, en la tagmezo, la kuirejo estis senhoma, se oni ne konsideru la najbaran avinon Petrovna, kiu ne plu laboris, sed loĝis ĉi tie kun senedza filino. Vera lasis la pordon de sia ĉambro duonfermita por aŭdi eventualan vekiĝon de la dormanta bebo. Dume kvieto regis en la tuta apartamento, nur du kaseroloj bolbruetis sur la forno, kaj kraketis ligno ene de ĝi.

Longa koridoro distancigis la kuirejon de la enirpordo, pro tio Vera ne tuj aŭdis malŝloson de tiu. Sed post momento ŝin atingis bruo de kelkaj viraj voĉoj ĉe la enirpordo. Ŝi haste kuris tien, ferminte laŭvoje la pordon de sia ĉambro por ke la bruo ne veku la etulon.

– Vera! Venu, mia kara! – Slavik vokis de ĉe la pordo. Venu kaj renkontu la gastojn! Vidu, kiu venis!

Efektive, en duonmallumo ĉe la enirpordo amasiĝis, atendante la mastrinon, kvar viroj. La avinjo Petrovna trotetis post Vera pro scivolemo, balbutante: “Gaŝtoj… kiaj gaŝtoj…” Ekvidinte la virojn, ŝi retiriĝis al la kuirejo.

Ho, tiujn gastojn Vera ne atendis, sed, eĉ veninte neatenditaj, ili estis agrablaj! Hirtis super ĉiuj la kapo de Griŝa Demidjuk, flanke rebrilis la okulvitroj de Kolja Nekrasov, sed malantaŭ Slavik staris iu duonkonato – Vera ne tuj rekonis la viron.

– Knaboj, karaj! – ŝi elparolis embarase. – De kie vi aperis? Kolĉjo! Griŝa!

– Ili venis el Moskvo kelkajn tagojn antaŭ la kongreso por ĉion prepari surloke, – diris Slavik. – Kaj ili insistis, ke mi montru la junan heredanton… pardonu, Verinjo, mi ne sukcesis averti vin.

– Ne gravas, – diris Vera, – mi ĝojas! Tamen la ĉambro ne estas bone ordigita, pardonu, knaboj… Sed kiu kaŝas sin malantaŭ vi, Slavik?

– Vera, ĉu reale vi ne rekonas min? – demandis la viro, kaj ŝi rememoris tiun akĉenton kun kartaveta “r” en la elparolo.

– Lucien… – diris ŝi. – Jes, Lucien Laurat. Saluton, Lucien! Ĉu ĝis nun vi estas moskvano? Ĉu ankaŭ membro de CK?

– Jes kaj jes, – respondis Lucien, enmanigante al ŝi bukedon da ruĝaj kaj blankaj peonioj. – Mi ĝojas vidi vin denove, Vera. Sed iom mallume

estas ĉi tie, mi ne bone vidas vin. Ĉu ni rajtas iri ien, kie estas pli da lumo?

– Ho jes, Slavik, montru al la gastoj nian pordon. Eniru, knaboj, Miŝko dormas, sed tutegale mi jam devas veki lin. Mi nur enrigardos la kuirejon por momento kaj venos al vi.

– Sed ĉu ni rajtas ekvidi vian kuirejon? – demandis Lucien.

– Nuntempe jes, – ridetisVera, – ĉar neniu krom unu avinjo estas tie. Vespere estas tre multaj mastrinoj, tro da bruo…

– Ĉu ne nur vi loĝas ĉi tie? – mire demandis Lucien. – Verŝajne, ankaŭ viaj parencoj…

Ĉar Vera silentis, ruĝiĝinte (bonŝance, li ne povis rimarki tion en la krepusko), Lucien turnis la kapon por ricevi respondon de Slavik. Tiu apenaŭ detenis ridon; Kolja kaj Griŝa jam ridis mallaŭte. Lucien senkomprene gapis al la kompanio.

– Eniru tamen, – fine elparolis Slavik. – En la ĉambro mi ĉion klarigos.

La grandega kuirejo, kie Vera klarigis al Lucien kaŭzon de la ĉeesto de tiom multaj mebloj, entute konsternis la kompatindan Lucien. Li ne riskis ion diri tie, ĉar la avinjo Petrovna per agle sagacaj okuloj sekvis ĉiun movon kaj ĉiun vorton de tiu suspektinda ulo, preninta ŝian manon por kisi. Sed en la familia ĉambro, dum Vera estis admonanta la fortvoĉan Miŝkon, li petis detalajn klarigojn. Slavik meditis kelkmomente.

– Kredu, – fine ekparolis li nelaŭte, sed kun kreskanta entuziasmo, – ke tiu decido de la ŝtato estas ne malbona per si mem. Antaŭ la revolucio la tutan apartamenton okupis certa familio de cara oficiro, mi aŭdis lian nomon, sed ne memoras nun. Loĝis ĉi tie la oficiro, lia edzino, liaj tri infanoj kaj – en la plej eta ĉambro – lia servosoldato. Ĉu ne tro ŝike? Samtempe plejmulto de laboristaj familioj loĝaĉis en duonkelaj ĉambretoj. La ŝtato prezentis al ĉiu familio bonan apartan ĉambron. Jes, la komfortaĵoj estas komunuzaj, sed entute la vivkondiĉoj estas multe pli bonaj ol antaŭe. Certe, post dek jaroj, nu, eble, post dudek ni sukcesos konstrui aregon da domoj, kie ĉiu familio havos sian propran apartamenton!

– Sed kiom da homoj loĝas nun ĉi tie? – Lucien sulkigis la frunton.

– Mi kalkulu... – diris Slavik. – La familio Proĥorov – kvin... la familio Kazarkin – kvar, avinjo Petrovna kun la filino...

– Mi jam kalkulis, – helpe intervenis Vera, mamnutranta la bebon trans katuna kurteneto. – Tridek unu.

– Damne! – eksklamaciis Lucien. – Tridek unu! Ok malparencaj familioj! Infero!

– Nu... – diris Slavik. – Certe, ne estas infero. Ĉiuj loĝantoj bone najba-

ras... okazas foje malagrablaĵoj, se iu el la viroj ebriiĝas, aŭ se la virinoj ne sukcesas pace interkonsenti pri la monata vicordo por purigo de la komunuzaj areoj...

– Ho, antaŭ viziti vin mi ne bone komprenis unu ŝercon de mia amiko Radek[1]; – diris Lucien ekscitite, – nun mi komprenas. Ĉu vi aŭdis tiun ŝercon? Mi rakontu. Do oni raportis al Stalin, ke Radek vastigas ŝercojn pri li. Stalin ofendiĝis kaj vokis la ofendinton en Kremlon por insulti. Radek, enirinte al Stalin, diris:

– Je Dio, Stalin, via apartamento estas enorme luksa!

– Tre baldaŭ ĉiu soveta familio havos tian apartamenton, – rebatis Stalin.

– Tamen mi petas, – ridetis Radek, – ke ni interkonsentu, kiu el ni ŝercas nun, ĉu mi aŭ vi.

Dum komuna ekrido de la kompanio Griŝa abrupte malfermis la ĉambropordon, kaj en la ĉambron enfalis la avinjo Petrovna. Evidente, ŝi staris malantaŭ ĝi, kliniĝinte al la serurtruo por aŭskulti. Griŝa lerte subtenis ŝin, protektante kontraŭ nepra falo, kaj nun ŝi time gapis ĉirkaŭen. Vera aperis de trans la kurteneto.

– Kion do, Petrovna? – demandis ŝi pace.

– Fi! – elbuŝigis Petrovna kun necerto kaj malico. – Mi aliriŝ la pordon... por peti iom da... iom da pipro, ŝed tiu... tiu malfermiŝ!

– Ĉu nenio doloras vin, Petrovna? – demandis Vera kun mirinda trankvilo kaj, ne atendante respondon de la avinjo, proponis: – Iru ni en la kuirejon. Mi donos al vi pipron.

## 2.

**Por la unueca lenina partio!**

*... Ni, komunanoj de la kolektivo de VKP(b)[2] de la uzino "Bolŝevik", unuanime aprobas ekskluzive pravan decidon de la plenkunsido de CK VKP(b), rebatintan la strebon de la opozicio rompi la unuecon de la partio.*

*Ni aliĝas al la decido pri eligo de k-do Zinovjev el la Politikburoo. Ni unuece manifestacios por subteni la leninan CK, kaj al la samo ni alvokas aliajn partiajn organizaĵojn.*

***"Leningradskaja pravda", la 31-an de julio 1926, sabato***

– Tiaj moroj estas nun... – Griŝa Demidjuk palpebrumis al Lucien. – Tamen, nenio grava. Ja ni parolis en Esperanto, do ŝi nenion komprenis.

---

[1] *Radek Karl (1885 – 1939) – partiano ekde 1903, aktiva soveta aganto. Pro akuzo pri trockizmo enprizonigita kaj mortigita en prizono.*

[2] *VKP(b) (mll. rus.) – Tutsovetia Komunista Partio (de bolŝevistoj).*

Lucien estis senkomprene gapanta al la pordo, kiun fermis Vera, forirante en la kuirejon. Kolja Nekrasov kuraĝige frapetis lian ŝultron, kaj Slavik ekimpetis trans la kurteneton, kie Miŝko, lasita de la panjo, jam prezentis siajn ecojn de vokalisto. En la manoj de la paĉjo li tamen tuj kvietiĝis, ĉar estis sata, eksnufis duondorme kaj, metita en sian liteton, tuj endormiĝis.

– Sidiĝu, homoj, – diris Slavik, almontrante malnovegan divanon ĉe la sola fenestro en la ĉambro. – Sed parolu mallaŭte, mi petas.

– Ĉu ni finfine komencu, aŭ komence finfinu? – kun senkulpa ruza rideto flustris Kolja. – Ni venis ĉi tien ne nur, ĉar ni venis Leningradon. Estas pli grava kaŭzo, se la kamaradoj bonvolas rememori. Dumonata datreveno de tiu ĉarmulo, kiu dormas nun.

– Ni devas komenci, – decideme aprobis Griŝa, levante de sur la planko alportitan sakon kun provizo.

– Oj, Griŝa... – Vera eniris la ĉambron kaj mire rigardis la provizon, kiun Griŝa estis elmetanta surtablen. – Ĉu vi planis festi ion?

– Estas eĉ kelkaj gravaj kaŭzoj... – respondis Griŝa kun afekta seriozo. – Lucien, kial vi staras, kvazaŭ per sako batita? Agu...

– Per sako batita... – mediteme ripetis Lucien. – Tion mi ankoraŭ ne aŭdis, necesas memorfiksi.

Li prenis de sur la planko sian tekon kaj metis sur la tablon du botelojn da vino. Vera levis ambaŭ manojn admire, sed ne sukcesis diri eĉ unu vorton. Aŭdiĝis sonoro ĉe la enirpordo, ŝi mire rigardis ĉiujn kaj kuris por malfermi. De tie aŭdiĝis ĝojaj virinaj salutkrioj, hasta interbabilo, kaj post kelkaj momentoj Vera lasis eniri antaŭ si junulinon kun laŭmoda kurta kaj glata nigrahara frizaĵo.

– Fransin'! Fransin'! – kun embaraso kaj miro krietis la moskvanoj.

Slavik levis la montrofingron al la lipoj.

– Ŝŝ, homoj! – laŭte flustris li. – Ne veku Miŝkon. Kial vi miras? Fransin', Fransin'...

Li aliris, brakumis ŝin kaj kisis ambaŭ vangojn.

– ... ĉu ne klaras, – diris li, finante la frazon, – ke ankaŭ Fransin' venis por la kongreso?

– Be... – diris Kolja, – Ne ŝia veno mirigas, sed ŝia aspekto. Fransin', kara, kio okazis al vi? Kien malaperis viaj ĉarmaj rufaj bukloj, ha?

– Fi, knaboj, – kokete respondis Francine. – La bukloj ne plu estas modaj, des pli la rufaj. Kaj entute tedis min mia antaŭa aspekto, do mi decidis iom ŝanĝiĝi. Kaj mi atendas viajn komplimentojn, ne la malfermitajn buŝojn...

– Ankaŭ la malfermitaj buŝoj estas komplimento, kara, – diris Lucien,

kiu ĝis nun restadis kvazaŭ indiferenta. – Via nova aspekto estas fantazieska!

Ankaŭ li aliris kaj kisis Francine – ne nur ŝiajn vangojn, sed ankaŭ la lipojn. Francine ŝerce minacis al li per sia fingreto.

– Verinjo, – ŝi diris. – Mi flame aspiras vidi lin! Montru, montru, mi petas!

– Nur por momento, – rediris Vera, prenante ŝian manon kaj gvidante ŝin trans la kurteneton. – Li dormas nun.

– Belega... – aŭdiĝis la voĉo de Francine de post la kurteneto. – Jen estas donacoj por vi, knabĉjo... aĥ, mi envias, Vera, mi ege envias... do kresku via Miŝko sana kaj feliĉa.

– Ho, dankon, Fransin', – respondis Vera, – tamen ne indus venigi tiom da donacoj. Ĉu vi iĝis milionulino?

– Mi rajtas, – firme rebatis Francine, elirante kun Vera al la viroj. – Por la filo de mia plej bona amikino mi ne devas avari.

– Bone, estu laŭ vi, – konsentis Vera. – Knaboj, bonvolu turni la tablon al la divano kaj movi la seĝojn... nur du, bedaŭrinde, ni havas, sed sufiĉas dume, se ne aperos pliaj neatenditoj. Slavik, trovu tablotukon, manĝilaron – iom ni havas ja... Sed mi kun Fransin' iru en la kuirejon. Dum dek minutoj ni kuiros ion-tion kaj babiletos pri... nu, inter ni, virinoj, ni havas kelkajn temojn ne por la viroj.

La avinjo Petrovna estis sidanta ĉe sia tableto en la kuirejo, tutaspekte elmontrante al la venintaj virinoj sian malrespekton kaj suspektemon.

– Bonjour, madame! – Francine milde ridetis al ŝi.

– Ĵurbon'... – elparolis Petrovna ne tro ĝentile, kaj retiriĝis, murmurante en la rusa laŭte por ke ili aŭdu, – ... venaŝ iaj ŝtranguloj, parolaŝ ne en la nia... eble, ŝteli ion volaŝ...

– Ĉu vi scipovas senŝeligi terpomojn? – demandis Vera, eliginte saketon kun terpomoj el la ŝranko kaj proponante al Francine tranĉileton. – Duope ni farus tion pli rapide... sed se vi ne ŝatas...

– Mi provu kaj ekŝatu, – tuj rediris Francine. – Kaj ni babilu intertempe.

– Babilu vi, kara, – ridetis Vera. – Mian vivon vi nun vidas propraokule. Do rakontu viajn novaĵojn.

– Ho, Verinjo, – elspiris Francine, – mi ne scias... Mi havas du gravajn novaĵojn, unu malbonan, la alian – mi ne scias...

– Do komencu de "mi ne scias" – ridetis Vera.

– Mi ne scias, kara, – diris Francine kaj daŭrigis flustre, – sed ŝajnas al mi... oj, ŝajnas al mi, ke mi estas graveda!

– Oj! – diris ankaŭ Vera. – Amikinjo! Ĉu delonge?

La tranĉilo kaj terpomo falis el ŝiaj manoj, kaj ŝi brakumis la amikinon.

– Du monatojn! – kriflustris Francine.

– Ĉu Drezen? – flustre demandis Vera.

Francine faris grandajn okulojn kaj kelkfoje kapneis. Poste ŝi montris per la kapo direkte al la ĉambro de Vera.

– Oj! – denove krietis Vera. – Kolja? Griŝa? Ĉu vi elektas nur edziĝintojn?!

Francine kapneis eĉ pli arde.

– Lucien, – flustris ŝi. – Estas li, antaŭ kelkaj monatoj ni amikiĝis kaj ekrilatis… Ja jes, ankaŭ li estas edziĝinta, sed lia edzino estas eksterlande. Mi ne scias, kiel mi allasis tion... Nun kion mi faru, Verinjo?!

– Nasku, mia kara, nasku, – reflustris Vera. – Estas bona novaĵo. Venis via tempo. Sed kion pri via malbona novaĵo?

– Ve, Vera! – eksklamaciis Francine. – Ĝuste tiu malbona igas min heziti pri la bebo... Ĉu vi legas la gazetaron?

– Nuntempe jes, – respondis Vera, – mi havas tempon por tio.

– Ho, vi ne povis tion preteratenti! – Francine denove proksimigis la vizaĝon al Vera. – Nia ĉefo estas eksigita! Zinovjev, certe, vi scias – li estis gvidanto de viaurba soveto kaj de la plenumkomitato de Komintern!

– Jes, mi legis, – diris Vera indiferente. – Sed kiel tio tuŝas vin?

– Oni diras, ke okazos multaj ŝanĝoj! – denove flustrokriis Francine. – Eble, mi perdos mian oficon...

– Sed vi havas nenian rilaton al li! – admone respondis Vera. – Vi estas simpla traduksekretariino!

– Jes... – balbutis Francine, – ... sed... mi ne scias!

– Nasku, – diris Vera konvinke. – Ni vivos kaj ni vidos, amikinjo, kio okazos. Kaj ni helpu unu la alian. Nepre nasku!

## 3.

*“En kio konsistas, kamaradoj, la* ***vera internaciismo****? La vera internaciismo konsistas tute ne en la sonoraj “superinternaciistaj” frazoj, la vera internaciismo konsistas en tio, ke oni subtenu la revolucian procezon: ĉion, kio solidarigas la internaciajn proletajn vicojn, ĉion, kio plifirmigas tian organizan centron de la monda revolucio, kia estas nia Soveta Unio”.*

***N.Buĥarin, el parolado ĉe leningrada partikonferenco, 1927***

La suno ne venis en la ĉambron, sed evidente la vetero estis bonega. La sola fenestro de la ĉambro estis eliranta en la korton, similan al profunda krepuska puto, tamen kvadrato de la blua ĉielo super tiu puto sendube atestis bonon de la tago.

– Ĉu ne damaĝos la bebon, se ni malfermu la fenestron? – demandis Griŝa. – Endas iom pli da oksigeno, ĉu ne?
– Malfermu, – permesis Slavik. – Eĉ se estas venteto, la kurteno protektos Miŝkon.

La tablo estis nun kovrita per blua tuko kun floretoj, sur kiu hirtis la peonioj en trilitra vitra vazo kaj du boteloj, ĉirkaŭitaj de telero kun pano, kelkaj ladskatoloj kun stufviando kaj fiŝaĵo, kiujn alportis la gastoj, du teleretoj kun kolbastranĉoj kaj arĝenta pleteto kun karamelaĵoj, tute malkonforma al ĉio cetera. La viroj atendis nur terpomojn, venontajn el la kuirejo kune kun Vera kaj Fracine.

– He, knaboj, – Kolja elparolis sopire, – por tia bona postmanĝo ne malutilus boteleto da vodko…
– Ĉu ne sufiĉas la vino? – levis la brovojn Lucien.
– Kiom da jaroj vi loĝas en Rusio, Lucien? – demandis Griŝa kaj mem respondis, – tri aŭ kvar jam. – Sed la rusan animon vi ĝis nun ne komprenis…
– Cetere, pri la rusa animo, – diris Lucien, – jen ricevu plian freŝan ŝercon de Radek: Stalin post spektado de la opero “Otelo” diris: “Tamen tiu Jago estas bona organizanto!”
– Mi tamen konsilas, Lucien, – post komuna rido diris Kolja mediteme, – ke vi estu pli singarda. La tempo estas alia, la ŝercojn kelkaj personoj ne aprobas. Samkiel kontaktojn kun suspektindaj uloj. Sed vi, en via hotelĉambro kunvenigas…
– Ĉu pri Karl temas? – intervenis Lucien. – Sed kial mi ne invitu lin? Li estas rektoro de la universitato, do mia ĉefo kaj ankaŭ mia amiko!
– Kio estas tiu Radek kiel homo? – scivolis Slavik. – Ŝajnas, ke devas esti neordinara persono…
– Ho, vere neordinara! – respondis Lucien. – Aŭstria judo kun iom makabra vizaĝo, sed saaaĝa! Kaj sprita, kaj agema! Li aliĝis al la rusiaj social-demokratoj ankoraŭ en 1903. Lenin tre estimis lin, sed Stalin ne ŝatas – nu, vi komprenas la kialon… Radek… iom impulsema, grumblema, sed li havas kapablon ie trovi por nia universitato bonegajn fakulojn. Jen, ekzemple, tiu blinda esperantisto, Eroŝenko. Li aperis antaŭ du jaroj, onidire forpelita el Japanio. Imagu: ruso, blinda, sed brile regas la japanan, verkas ĉarmajn fabelojn… Do estas Radek, kiu tuj kaptis lin, oficigis en nia universitato…
– Sed per siaj ŝercoj via Radek povas fari gravan damaĝon por la tuta universitato, – serioze replikis Kolja, – ankaŭ por tiu blindulo. Kaj por vi mem – des pli.
– Paciĝu, homoj, – admone eniĝis Griŝa. – Kion do pri vodko, ĉu mi

kuru por aĉeti?

– Ne indas, – diris Slavik ruze, – jen ĝi staras, en malvarma loko!

Li aliris la fenestron, malfermis pordeton sub la fenestrobreto kaj montris enhavon de la subfenestra ŝranketo. Griŝa kaj Kolja ekaplaŭdis, kaj tuj aŭdiĝis ofendita ekpepo de trans la kurteno.

– Nu jen, – kun bedaŭro elparolis Slavik, fermante la fenestron. – Vekis ni la mastron…

Trans la kurteneto li prenis Miŝkon kaj fiere portis al la kompanio. La bebo, vekita de la aplaŭdoj, prezentis la tutan potencon de sia voĉo tiel, ke la panjo alkuris el la kuirejo.

– Vekiĝis li tamen… – diris ŝi, prenante kaj karesante la filon, – ... sed povus dormi plian horeton. Ne gravas. Nu, trankviliĝu, mia kara, ĉesu plori. La panjo estas kun vi.

Al la krio de la bebo aliĝis plia sono – ili ne tuj komprenis, ke estas la sonorilo ĉe la enirpordo.

– Mirakle! – krietis Vera. – Ĉu ne ĉiuj eblaj gastoj jam estas ĉi tie? Slavik! Rigardu, kiu venis tie. Eble, iu el la najbaroj pli frue…

– Mi provu diveni, – diris Slavik. – Verŝajne, la ukrainia delegitaro atingis la urbon matene. Do devas esti Vasilj.

Li hastis al la enirpordo, sed ĝin jam malfermis Petrovna, alkurinta pli frue. Francine kun mire levitaj manoj staris malantaŭ ŝi.

– Ŝinjoro kamarado ofiŝiro! – haste mitralis Petrovna. – Bone, ke vi veniŝ! Ĉi tie – homoj parolaŝ ne nian lingvon! Ŝ-ŝpionoj!

– Trankviliĝu, avinjo! – la viro en uniformo de ruĝarmea komandanto kun ordeno surbruste metis la manojn sur ŝiajn ŝultrojn. – Ĉiuj ili estas bonaj homoj. Mi garantias.

– Talis! Talis! La heroo venis! Vidu!

Francine kaj Vera kune impetis al la komandanto preter la kompatinda Petrovna, kiu flankeniĝis kaj mire gapis al la brakumado inter ili kaj Talis.

– Ankaŭ mi estas ĉi tie, – el trans la pordo aperis Vasilj. – Ni venis kune.

– Vasilj! – kriis Vera. – Ni ĵus parolis pri vi. Fransin', estas Vasilj, nia amiko el Ukrainio!

– Ni konatiĝos tuj, – ridetis Francine. – Alta, bela viro, esperantisto… kial ni ne estis konatoj antaŭe? Ĉu vi permesas kisi viajn vangojn?

– Mi permesas, – diris Vasilj. – Ni konatiĝu. Ja morgaŭ ni marŝos kune en la esperantista kolono, ĉu ne?

– Ĉiuj ni marŝos, ĉiuj! – gaje diris la alirinta Slavik. – Kaj estas tre bone, ke ĉiuj kunvenis hodiaŭ por konatiĝi. Tamen iru ni en la ĉambron – la tablo jam delonge atendas!

Petrovna akompane trotis malantaŭ ili ĝis la pordo de la ĉambro, balbutante duonvoĉe: “Ŝŝŝpionoj… ĉiuj ŝŝŝpionoj…”

*...Sub favoraj antaŭsignoj malfermiĝas hodiaŭ nia VI-a. Oficialaj rondoj en la vastega Sovet-unio favoras nian movadon. Ni ĉiuj konsciu pri la devoj, kiujn trudas al ni tiu ĝojiga fakto. Ni ne forgesu, ke ĝin rezultigas la senĉesa penado de la SAT-anoj, kiuj senlace celis praktike uzadi esperanton por la klasaj celoj de l’ tutmonda Proletaro.*

***E.Lanty, “Sennaciulo” № 46, 1926***

## BELARTAJ KONKURSOJ DE UEA EN 2016

La gvida Esperanta artkonkurso, la Belartaj Konkursoj de UEA, invitas partoprenontojn por la 67-a fojo. La rezultojn oni anoncos en la 101-a Universala Kongreso en Nitro. Partopreno estas libera al ĉiuj kaj ne ligita al la aliĝo al UK. La konkursaĵoj devas esti neniam antaŭe publikigitaj en ajna formo, escepte de la branĉo **Infanlibro de la Jaro**. Oni rajtas sendi maksimume tri konkursaĵojn por sama branĉo. Validas krome jenaj kondiĉoj:

**Poezio**: maksimuma longo ne fiksita;

**Prozo**: maksimuma longo 200×65 karaktroj (kvino da paĝoj);

**Teatraĵoj**: maksimuma longo ne fiksita;

**Eseo**: teme ligita kun Esperanto aŭ kun la kongresa temo, proksimuma longo 400×65 karaktroj (deko da paĝoj); la unua premio nomiĝas *Premio Luigi Minnaja*;

**Infanlibro de la Jaro**: originala aŭ tradukita libro por infanoj presforme aperinta en 2015. Unu premio.

Ĉiujn konkursaĵojn – en unu ekzemplero, escepte de tiuj por la branĉo Infanlibro – oni sendu al *Belartaj Konkursoj de UEA, ĉe Michela Lipari*, prefere retpoŝte al la adreso: *michela.lipari@tiscali.it*; aŭ se ne eble, papere al la adreso: *viale Giulio Cesare 223, IT-00192 Roma, Italio*, indikante la elektitan pseŭdonimon por gardi la anonimecon de la aŭtoro. Por la branĉo Infanlibro oni sendu unu ekzempleron de la koncerna libro al la adreso de Michela Lipari kaj tri ekzemplerojn al *Ionel Oneț, Centra Oficejo de UEA, Nieuwe Binnenweg 176, NL-3015 BJ Rotterdam, Nederlando*.

**Premioj**: unua premio 260 eŭroj, dua premio 182 eŭroj, tria premio 104 eŭroj; Nova Talento 182 eŭroj; Infanlibro de la Jaro 546 eŭroj.

Detala regularo troviĝas en la retejo de UEA. La premiitaj verkoj en 2015 estas legeblaj en la volumo *Belarta rikolto 2015*, eldonita de Mondial. La premiolistoj ekde la komenco de la Belartaj Konkrusoj en 1950 troviĝas ĉe <http://esperanto.net/literaturo/bk/index.html>.

***Gazetaraj Komunikoj de UEA***



# *Al la 120-jariĝo de la poeto* Sergej Jesenin *en tradukoj de Ludmila Novikova*

* * *

Нивы сжаты, рощи голы,
От воды туман и сырость.
Колесом за сини горы
Солнце тихое скатилось.

Дремлет взрытая дорога.
Ей сегодня примечталось,
Что совсем-совсем немного
Ждать зимы седой осталось.

Ах, и сам я в чаще звонкой
Увидал вчера в тумане:
Рыжий месяц жеребёнком
Запрягался в наши сани.

*1917*

* * *

Arboj nudas, garbas greno,
La river' nebule spiras.
Sun' trans pinton de montĉeno
Kiel rado rulsubiras.

Dormas vojo kavetoza.
Sonĝas ĝi pri bildo posta,
Kiel venas temp' ripoza –
Neĝabunda vintro frosta.

Aĥ, mi mem ĵus tra arbedo
Vidis en nebulhumido,
Ke jungitas jam al sledo
Luna serp' – rufĉevalido.

*trad. en 2012*

**ПИСЬМО МАТЕРИ**

Ты жива еще, моя старушка?
Жив и я. Привет тебе, привет!
Пусть струится над твоей
избушкой
Тот вечерний несказанный свет.

Пишут мне, что ты, тая тревогу,
Загрустила шибко обо мне,
Что ты часто ходишь на дорогу
В старомодном ветхом шушуне.

И тебе в вечернем синем мраке
Часто видится одно и то ж:
Будто кто-то мне в кабацкой драке
Саданул под сердце финский нож.

**LETERO AL LA PATRINO**

Kiel fartas vi, oldpanjo mia?
Mi salutas vin! Bonfartu plu!
Fluu super kabaneto via
Plenmagia sunsubira lum'.

Oni diras, ke vi en malĝojo
Maltrankvilas tre pri mia fart',
Ke vi ofte venas al grandvojo
En malmoda eltrivita palt'.

En vespera bluo de malhelo
Ofte vin obsedas sama bild':
Kvazaŭ iu dum diboĉkverelo
Pikmortigis min per finn-tranĉil'.

Ничего, родная! Успокойся.
Это только тягостная бредь.
Не такой уж горький я пропойца,
Чтоб, тебя не видя, умереть.

Я по-прежнему такой же нежный
И мечтаю только лишь о том,
Чтоб скорее от тоски мятежной
Воротиться в низенький наш дом.

Я вернусь, когда раскинет ветви
По-весеннему наш белый сад.
Только ты меня уж на рассвете
Не буди, как восемь лет назад.

Не буди того, что отмечталось,
Не волнуй того, что не сбылось, –
Слишком раннюю утрату и
усталость
Испытать мне в жизни привелось.

И молиться не учи. Не надо!
К старому возврата больше нет.
Ты одна мне помощь и отрада.
Ты одна мне несказанный свет.

Так забудь же про свою тревогу,
Не грусти так шибко обо мне.
Не ходи так часто на дорогу
В старомодном ветхом шушуне.

*1924*

Ĉit, patrinjo! Trovu vin trankvilo.
Tio estas nure halucin'.
Mi ne estas tiom aĉa filo
Por ekmorti ne vidinte vin.

Mi ja estas same tenerplena
Kaj ne havas ajnan revon krom
Tiu, ke de l' vivo malserena
Mi revenu al la patra dom'.

Mi revenos kiam la ĝardeno
Ree floros blanke en printemp'.
Sed ne veku min en frumateno
Kiel en la forpasinta temp'.

Ne plu veku junan misesperon,
La paseon ne plu tuŝu vi,
Ĉar tro fruan perdon kaj desperon
Spertis mi en mia kurta viv'.

Ne instruu preĝi min. Bonvolu!
La malnovo ne revenos plu.
Sole vi min helpu kaj konsolu,
Sole vi magia estas lum'.

Do, forgesu vi pri la malĝojo,
Ne sopiru tro pri mia fart'
Kaj ne venu ofte al grandvojo
En malmoda eltrivita palt'.

*trad. en 2015*

* * *

Я снова здесь, в семье родной.
Мой край, задумчивый и нежный!
Кудрявый сумрак за горой
Рукою машет белоснежной.

Седины пасмурного дня
Плывут всклокоченные мимо.
И грусть вечерняя меня
Волнует непреодолимо.

* * *

Mi ĉi-tieas por renkont',
Lultero mia plentenera!
Krepusko krispa post la mont'
Al mi mansvingas blankaera.

Grizharoj de nuboza sin'
Preterdrivadas venttaŭzite.
Kaj la vespera tristo min
Maltrankviligas senevite.

Над куполом церковных глав
Тень от зари упала ниже.
О, други игрищ и забав,
Уж я вас больше не увижу!

В забвенье канули года,
Вослед и вы ушли куда-то.
И лишь по-прежнему вода
Шумит за мельницей крылатой.

И часто я в вечерней мгле,
Под звон надломленной осоки,
Молюсь дымящейся земле
О невозвратных и далёких.

*1916*

De lasta sunsubira lum'
Ombradas la preĝej-kupoloj.
Ho, ne revidos mi vin plu,
Amikoj de infanpetoloj!

La jaroj dronis en forges',
Kaj ni el naskiĝnest' diskuras.
Post ventomuelil' sen ĉes'
Nur akvo same flumurmuras.

Kaj en mallumo de vesper'
Ĉe sonoj de krepit' kareksa
Mi preĝas al brumanta ter'
Por ĉio fora kaj jam eksa.

*trad. en 2015*

* * *

Шёл господь пытать людей в любови,
Выходил он нищим на кулижку.
Старый дед на пне сухом в дуброве
Жамкал дёснами зачерствелую пышку.

Увидал дед нищего дорогой.
На тропинке, с клюшкою железной,
И подумал: «Вишь, какой убогой, –
Знать, от голода качается, болезный».

Подошёл господь, скрывая скорбь и муку:
Видно, мол, сердца их не разбудишь…»
И сказал старик, протягивая руку:
«На, пожуй… маленько крепче будешь».

*1914*

* * *

Iris Dio ekzameni homan amon
Kiel mizerulo en vagado.
Jen oldul' sur stumpo sekan panon
Maĉas per gingivoj ĉe vojrando.

Rigardante al la Dia iro,
Kiu trenis sin kun lambastono,
Pensis la oldul': «Jen povra viro!
Pro malsat', verŝajne. Ve, malbono!"

Di' aliris lin kun pens', ke vane
Li por veki korojn semas vortojn.
La oldul' etendis al li manon:
«Prenu, maĉu... tio donos fortojn!»

*trad. en 2012*

*Pro la teknika eraro en la antaŭa numero de REGo mankis ĝustaj muziknotoj por unu el la kantoj de* **Mikaelo Povorin**. *La redakcio pardonpetas kaj republikigas la kanton kun muziknotoj.*

## Kokcinelo en maro

Kokcinelo en maro –
Nekutima afero.
Kia sorta misfaro
Portis ĝin for de l' tero?
Kompatinda makula rondet'
Jam neniun atendas kun pet',
Nur senpove ĝi flosas kun pret'
Al pere' en sufero.

Mi ĝin bone komprenas:
Ja mi same baraktas,
Al tendaroj mi venas,
Samajn homojn kontaktas.
Ripozejo en pina arbar',
Apud lag' aŭ ĉe bordo de mar',
Sonas ĉiuvespere gitar' –
Ĉio same ekzaktas.

Min enlgutis jam plene
Tiu marĉo de verdo.
Oni diras ĉagrene:
"Estas ĝi vivoperdo!
La ĉasado al fora ĥimer'
Ne utilas por la karier'.
Plie gravas alio sur ter'.
Tion pruvas la sperto."

Vin, insekto dronanta,
Savi certe mi devas.
En ondado konstanta
Vi pri help' jam ne revas.
Unubrake remante al bord',
Anhelante kaj preskaŭ sen fort',
El la sala brakumo de mort'
La etulon mi levas.

Sed mi mem restas daŭre
En la rondo kutima.
Iras mi senbedaŭre
Pro inklino anima
Malgraŭ moko kaj stulta admon',
Malgraŭ manko de tempo kaj mon'
Sen hezito kaj longa rezon'
Laŭ la voj' senpavima…

*aŭgusto 2011, Betta*

♩= 145
Dm E7 A7 Dm
Kok - ci-ne-lo en maro: ne - ku-ti-ma a - fe-ro.
5 D7 Gm C F
Ki - a sor-ta mis - fa-ro por - tis ĝin for de l' te-ro? Kom-pa-
9 Cm D7 Gm C F
tin-da ma-ku-la ron - det' jam ne - ni-un a - ten-das kun pet', nur sen-
13 B Gm A7 B A7
po - ve ĝi flo - sas kun pret' al pe - re' en su - fe-ro.

# RA-11 okazos en Afriko

“Renkontiĝo de Amikoj – 10” (RA-10) okazis de la 07-a ĝis la 17-a de aŭgusto 2015 en Krasnojarska teritorio kaj Respubliko Ĥakasio.

La 1-a parto okazis de la 07-a ĝis la 09-a: flosado laŭ rivero Mana apud la urbo Krasnojarsk, kiun partoprenis 21 e-istoj.

En la 2-a parto, kiu okazis de la 09-a ĝis la 15-a en la turisma bazejo “Cejano” (“Василёк”) en Ĥakasio, partoprenis 40 esperantistoj de 2- ĝis 65-jaraĝaj. Unu e-isto venis el Germanio, kaj 39 – el Rusio: Krasnojarsk – 16, Novosibirsk – 8, Tomsk – 6, Ĉeboksari – 3, Lipeck – 2, Tjumenj, Neftejugansk, Novoĉerkassk, Novokuzneck – po 1. En la programo okazis: E-kursoj, konversaciadoj en E-o, diversaj E-ludoj, E-koncertoj, amuzaj vesperoj en E-o, E-teatraĵetoj, 5 duontagaj kaj 1 tuttaga piedekskursoj en Ĥakasio (laŭ montoj, al famaj kaj pitoreskaj lagoj, en mistera kaverno Kaŝkulak, kiu plej forte impresis la ekskursantojn...), multaj aliaj programeroj.

La 3-a parto okazis en Krasnojarsk de la 15-a ĝis la 17-a. La 15-an de aŭgusto okazis piedekskurso en E-o laŭ la urbo. La 16-an de aŭgusto okazis tuttaga piedekskurso laŭ famaj Krasnojarskaj Fostoj (montoj) apud Krasnojarsk. Vespere ni vizitis katan antikafejon. La 17-an de aŭgusto okazis busa ekskurso en Krasnojarsk kaj ĉirkaŭ ĝi. La 3-an parton de la programo partoprenis, krom jam menciitaj 40 e-istoj, deko da krasnojarskaj e-istoj kaj iliaj amikoj, ekzemple Tatjana Zemljanskaja kun sia filo (kiuj kun turismaj ĉiĉeronoj gvidis la tuttagan piedekskurson laŭ Krasnojarskaj Fostoj), Jelena Ŝaravina, Alla Jaĥina, Sergej Ĵilejkin, Vladimir Sapoĵnikov kaj kelkaj aliaj.

En RA-10 estas anoncite, ke RA-11 okazos en Egiptio (Afriko) somere de 2016. Bonvenu ĉiuj e-istoj al RA-11!

***<esperanto-rus-informoj>***



# PRI RA-10



Apud lag' Itkulo
Nin ne mordas kuloj,
Ne varmetas naĝo,
Sed sufiĉas manĝo.
Kaj ekskursoj iaj
Montras Ĥakasion,
Iras homoj bravaj
Laŭ vojet' Praava.
Kaj ĝojigas dancoj –
Hastlo aŭ "salsa".
Kaj aranĝas ludojn
Homoj kaj homlupoj.
Eĉ sub pluv' malgranda
Vivas Esperanto!

*Rustam Karapetjan (Krasnojarsk)*



